2.ª Ep. AÑO II, N.º 9 (145) SEPTIEMBRE - OCTUBRE 1964




DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# NI JUBILEAS!!

Dum la solena malferma kunsido de nia Jubilea Kongreso de Esperanto, nia Prezidanto D-ro. M. Sancho Izquierdo parolas al la Kongresanoj. Apud li en la Prezida tablo sidas interaliaj la Provincestro Sro. Rueda Sánchez-Malo, kiu prezidis tiun solenajon.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Dro. E. Tudela
Str. Ruzafa, 41 - VALENCIA



## AL NIAJ KARAJ DONACINTOJ

Via samideana helpemo estas por ni vera savlignaĵo, ĉar la daŭre altiĝanta kosto de ĉiuj presaferoj faras pli kaj pli malfacila nian deziron plibonigi kaj sencese riĉigi nian gazeton.

Vi ĉiuj, karaj geamikoj, enestas en niaj koro kaj menso, kaj al vi estas dediĉitaj niaj plej bonaj atingoj.

| | | |
|---|---|---|
| **Suma anterior** | | 1.145 |
| A. del Corral | Buenos Aires | 250 |
| H. Ceretti | Santa Fé | 70 |
| J. Perarnau | Tarrasa | 350 |
| J. Rodríguez | Madrid | 25 |
| T. Elizondo | Bilbao | 25 |
| E. Hurtado | Valencia | 60 |
| J. Calahorra | Madrid | 6 |
| S. Arizmendi | Eibar | 20 |
| Un samideano | Moyá | 409 |
| Grupo "Stelo de Paco" | Barcelona | 5 |
| A. Bohigas | Barcelona | 40 |
| D. Brugués | Barcelona | 40 |
| A. Roca | Barcelona | 40 |
| Esperanto Rondeto | Burjasot | 100 |
| Hijos F. Soler | Valencia | 50 |
| J. Estañ. | Granada | 100 |
| J. Devis | Valencia | 25 |
| F. Pérez Callejón | Suiza | 65 |
| M. Sosvilla | Santa C. de la Palma | 60 |
| A. Diez | Saldaña | 40 |
| J. Ezquerra | Barcelona | 150 |
| A. García | Bilbao | 25 |
| V. Tarín | Cheste | 5 |
| J. Cardenal | Tarrasa | 40 |
| V. Martín | Madrid | 22,50 |
| J. Ferrer | Barcelona | 15 |
| J. Esteller | Barcelona | 15 |
| V. Fernández | Barcelona | 15 |
| J. Hutessá | Sabadell | 125 |
| R. Herrero | Valencia | 200 |
| M. Garriga | Tarrasa | 40 |
| L. Pérez Bárcena | Bilbao | 100 |
| E. Wolf | Santa C. de Tenerife | 30 |
| T. Molina | Barcelona | 90 |
| J. Anguita | Jaén | 10 |
| A. Barranco | Jaén | 10 |
| M. Burgos | Jaén | 10 |
| I. Martínez | Zaragoza | 7 |
| R. Quiles | Valencia | 15 |
| F. de la Torre | Baena | 40 |
| M. Salom | Valencia | 30 |
| A. Costa | San Mateo | 20 |
| P. Moreno | Madrid | 50 |
| A. Ballestín | Zaragoza | 100 |
| S. Arizmendi | Eibar | 50 |
| A. Criach | Sabadell | 150 |
| E. Roca | Tarrasa | 40 |
| M. Cantalapiedra | Valladolid | 25 |
| T. Anglada | Barcelona | 15 |
| E. Pérez | Valencia | 40 |
| E. Calvet | Tarragona | 40 |
| R. Calvo | Guía | 100 |
| (Continuará) | Suma . . . | 4 549'50 |

## ANONCETOJ

HISPANUJO. — (Tarragona). Espluga de Francoli; str. Abadía, 3; Fraŭ. Carmen Ferrán. Deziras korespondi kun gesamideanoj tutmonde kaj interŝanĝi p.m.

(Tarragona) Gandesa; str. Serrano Suñer, 9; LIBRERIA ALTADILL. Atención editores! — Para la venta al público en mi librería, deseo libros en Esperanto. Ruego envío de Catálogos indicando condiciones.

# NIA JUBILEA KONGRESO

Valencio, la mirinda Valencio, nesto de nia Federacio dum 15 jaroj, fajrujo de la hispana esperanta movado, mirinde plenumis la rolon de kongresa urbo.

Kiam la estraro de la Federacio elektis Valencion por unue digne organizi kaj poste brile festi nian Jubilean Kongreson, certe ĝi pensis pri komplementaj ideoj: trovi ĝustan kaj altvaloran kadron por organizi la Kongreson, kaj samtempe honori la valencianojn pro ilia sindonemo kaj laboremo al la Federacio kaj ĝenerale al la Esperanta Movado dum multaj jaroj. Certe ĝi plenumis tute la du menciitajn punktojn, ĉar Valencio estis belega kadro por nia Kongreso kaj la Valencianoj, pro tio, kore kaj sincere esprimis sian dankon pro la ebleco organizi nian Jubilean Kongreson en la urbo de l'Turia.

Malgraŭ tio, ke la partoprenintoj ne estis tiel multnombraj —nur 350 esperantistoj aliĝis— la kongresanoj taŭge kaj efike reliefigis la aranĝojn, el kiuj ni skize rememoras, kiel plej interesajn kaj emociigajn la jenajn:

Solena Malfermo de la Kongreso en la Paranimfo de la Universitato, kie la Provincestro sincere esprimis sian plenan konfidon al la Esperanta Movado, aŭgurante al ĝi plenajn sukcesojn.

Du prelegoj, unu el ili hispane de S-ro Alfredo Villa y Villa kaj alia esperante, de Sro. Dario Rodríguez.

Folflora festo ĉe la «Casa de Aragón», kie la tipaj aragonaj gedancantoj emocie ĝuigis nin pere de la energiaj dancoj kaj kantoj de la aragona regiono.

Solena Akcepto kaj Solena Fermo de la Kongreso en la Urbodomo.

Literatura Festo ĉe la «Profesia Komerca Lernejo», eble la plej agrabla aranĝo, ĉar 12 ĉarmaj junulinoj, vestitaj per tipaj kostumoj de la provincoj kie okazis la antaŭaj 24 Hispanaj Kongresoj, ornamis la aranĝon; tiamaniere la virina beleco kaj la Literatura solenaĵo saĝe kuniĝis kun la celo krei ravan feston kaj atingi veran etoson.

Postkongresa ekskurso al Cheste kie niaj koroj preskaŭ elsaltis, kiam ni konstatis la kortuŝan ĝentilecon, oferemon kaj amikecon de la aŭtoritatuloj kaj enloĝantaro, kiu amase partoprenis en diversaj publikaj aranĝoj. Multe ni legis pri Cheste, tamen, neniam ni povus supozi ke la realaĵo estas tiel supera al la komentarioj kiujn oni faris pri tiu urbeto, kiu malgraŭ sia malgrandeco, laŭ nombro da enloĝantoj, estas tiel granda, el la esperantista vidpunkto, ke ĝi sincere surprizis nin.

Vizito al la tombo de S-ro. Luis Hernández, antaŭa redaktoro de nia bulteno, kaj animo de niaj Kongresoj dum multaj jaroj.

Supozante ke vi ĉiuj deziras scii pliajn detalojn pri nia Jubilea Kongreso, sekve ni raportos al vi tion kio, laŭ nia modesta opinio meritas esti elstarigota.



Parta, ĝenerala foto

## DISDONADO DE DOKUMENTOJ

Mardo, 21 Julio. — Tre bone organizita la disdonado de dokumentoj en la «LONJA», kie la ampleksa salono de unu el la plej belaj gotikaj monumentoj en la urbo, permesis al la Loka Komitato, prepari kaj disvendi samtempe la biletojn por la ekskursoj, kaj komuna tagmanĝo; diversajn memoraĵojn pri la Jubilea Kongreso, k. a. Tiel do, la kongresanoj povis solvi ĉiujn siajn problemojn rapide jam de la unua tago, kio estas vere tre interesa ĉar tiamaniere dum la aliaj tagoj la kongresanoj povas ĝui la Kongreson tute trankvilaj. Tial ni rekomendas al la estontaj L.O.K., ke ili organizu tute same tiajn unuajn erojn de la koncerna kongresa programo, ĉar tio eksterordinare simpligas la taskon de la Loka Komitato, kiu poste povos libere zorgi la sekvantajn okazaĵojn.

## INTERKONA VESPERO

Nokte okazis la Interkona vespero ĉe la «CASA DE ARAGON» en la teraso. Ĝojigas horoj sincere, ĉar dum ili ni povis, ne nur konversacii kun niaj geamikoj, sed ankaŭ plani privatajn vizitojn por la liberaj horoj de la Kongreso, kaj kio ĉiam interesas: iniciati esperantan dialogon kun niaj enlandaj kaj eksterlandaj kongresanoj.

## SOLENA MESO

Merkredo, 22 Julio. — Solena Meso en la Katedralo. Prezidis la meson kaj je la fino alparolis la esperantistojn la ĉefepiskopa Moŝto D-ro. Marcelino Olaechea; kaj diservis kaj predikis en Esperanto la Pastro Antonio Agudo Acuña, paroĥestro de Gargüera (Cáceres). Tiu solenaĵo certe inaŭguris la kongreson ĉar preskaŭ ĉiuj kongresanoj partoprenis ĝin.

Sekve la samideanoj grupe marŝadis al la Paranimfo de la Universitato en kie okazos la

## SOLENA MALFERMO

Ĉe la antikva salono de la Paranimfo, la kongresanoj atendis la eniron de la Aŭtoritatuloj kaj Prezidanto de H.E.F. Kiam ili aperis, varma aplaŭdado eksonis en la salono.

Nia Prezidanta Moŝto, D-ro. Miguel Sancho Izquierdo bonvenigas la kongresanojn kaj rememorigas al ĉiuj siajn ideojn pri nia kara internacia lingvo, aldonante ke, Esperanto estas mesaĝo kaj mesaĝisto. Ĝi estas mesaĝo de paco



Franca reprezentanto salutparolas



Fraŭlinoj el Valladolid kun angla samideano en la Universitata korto

al ĉiuj popoloj, ĉar ĝi donas al ili la eblecon de komprenemo kaj interrilato kun la aliaj. Estas mesaĝisto, ĉar kiel lingvo internacia, nur celas la bonon de l' homaro. La Aŭtoritatuloj ne devas miskompreni aŭ maltaksi la valoron de Esperanto pro certaj kritikoj kontraŭ ĝi; aŭ supozi ke nia lingvo servas por ne pacaj ideoj, kontraŭe, la Esperanta Movado serĉas la interhoman komunikadon kaj la pacigon de la mondo. Fortajn aplaŭdojn!!!

Poste salutis al la kongresanoj, la jenaj eksterlandaj reprezentantoj:

S-ro. Uwe Joachim Moritz, el Germanujo.

S-ino Ana María Jorgensen, el Danlando.

S-ro. René Benazet, el Francujo.

S-ro. Luigi Minnaja, el Italujo.

S-ro. Adolfo Nunes, el Portugalujo.

Fine la Provincestra Moŝto, S-ro. Antonio Rueda Sánchez-Malo salutis ĉiujn kaj esprimis sian ĝojon pro tio, ke li prezidas ĉi tiun sesion, ĉar laŭ lia kompreno fomenti la kulturadon de Esperanto signifas kontribui por ke la homaro trovu en komuna lingvo positivan ilon por interŝanĝi ideojn kaj sentojn fratigante landojn kaj malfermante pordojn al la homa interkompreno.

Li elvokis tiujn tempojn, dum kiuj li estis lernanto de la nuntempa Prezidanto de HEF, kiam li studis en la Jurfakultato de la Zaragoza Universitato. Li havis dankoplenajn vortojn por tiu homo kiu estis lia granda majstro, en kiu kuniĝas saĝo kaj bonhomeco.

Aludis Sro. Sanchez-Malo al la 25 hispanaj pacjaroj kaj manifestis, ke la popolo nur vivas en paco kiam ili amas kaj komprenas unu la alian. Finis bonvenigante la kongresanojn, kaj deziris al ĉiuj bonan restadon en Valencio kiu ricevas ilin kun frataj sentoj. Li estis tre aplaŭdata.

LABORKUNSIDOJ

Vespere, je la 4.ª horo, estis anoncitaj fakaj kunvenoj de la Federacio, tamen pro la granda varmo de la vetero ilin devas iomete prokrasti kaj organizi ilin laŭ la eblecoj de l' momento.

La laborkunsidon de la junulara sekcio de H.E.F. (HEJS) kaj 3an Hispanan Junularan Esperanto-Kongreson nur partoprenis 15 gejunuloj, tiel do, malgraŭ la deziroj de HEJS-estraro, oni ne povis aranĝi la aferojn en tiu senco; la kunveneto nur servos por interŝanĝi vidpunktojn kaj ideojn inter la delegitaroj kaj la estraro. Simile okazis en la laborkunsidoj de la Fervojistoj, Blinduloj, Filatelistoj, ktp.

Post la fakaj kunvenoj, okazis la privata laborkunsido de la Estraro de H.E.F. kaj la Delegitoj de la Esperantaj Grupoj aliĝintaj al H.E.F. En ĝi, post trakti kelkajn detalojn de nia organizaĵo, la Prezidanto de H.E.F., prezentis la temon «UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO» en nia lando. Unuj opiniis favore al la ĉefurbo Madrido, aliaj Barcelonon aŭ Zaragozon. Resume: oni nenion decidis, nek pri la dato nek pri la urbo. Tiel do, momente ni devas rezigni la Universalan Kongreson en nia lando.

Skize oni parolis pri la kolektado de subskriboj organizita de U.E.A., kaj estis distribuitaj 300 ekzemplerojn de la folio eldonita de U.E.A. inter la delegitaro.

Poste oni legis proponon de S-ro. Batiste Jornet, kiu kredas tre interesa la organizadon de Magnetofona Servo de la Federacio, kaj ke li mem deklaras esti preta entrepreni la unuajn taskojn por organizi la menciitan Federacian Servon. La delegitaro akceptis la proponon kaj la H.E.F. estraro indikis ke ĝi studos detale la proponon kaj kune kun la proponinto ekagos en tiu senco.

Fine oni traktis ne gravajn aferojn kaj la H.E.F. estraro fermis la laborkunsidon. Tuj ĉiuj ĉeestis la interesan:

PRELEGON EN HISPANA LINGVO

De Sro. Alfredo Villa y Villa kies temo estis: «Sobre algunas cosas de alcance mundial o problemas de la convivencia general». Bedaŭrinde, en tiu okazo ni ne povas publikigi lian prelegon, nek parton de ĝi, pro manko da spaco, tamen ni nur skizos la plej interesajn temojn de la prelego:

Detale oni klarigis al la aŭskultantaro la tre diversajn kaj malutilajn sistemojn de nia nuna socio, nome: diverseco de valutoj inter la landoj; diverseco same en la peziloj, mezuriloj, k.t.p., konstatante tion pere de multaj informoj kaj ekzemploj pri la nunaj sistemoj. Fine, la prelegisto parolis pri la lingva diverseco kaj ties solvo per la adopto de la internacia lingvo Esperanto, kiel taŭga ilo por la scienco, la arto, k.a.

Fortaj aplaŭdoj premiis la interesegan prelegon de nia estimata samideano.

Ĵaŭdo, 23 Julio. — Matene la kongresanaro atendis la aŭtobusojn en placo de l' Caudillo por translokiĝi al la Albufera kaj al Saler, viziti straton D-ro. Zamenhof kaj ĉefajn monumentojn. La turista perbusa irado finis en la haveno, kie la esperantistoj dum ŝipa promenado ĝuis la agrablan veteron.

Vespere, je la 4.a horo, laŭindiko de l'programo devis okazi la Oratora Konkurso, sed pro manko de konkursantoj la HEJS-estraro, dezirante profiti la tempon petis al la germana reprezentanto S-ro. Uwe Joachim Moritz, ke li parolu pri ia temo; tre volonte li prelegis pri «Ĉu ekzistas Eŭropa Kulturo?» Tre elokvente li detalis al ni la evoluadon de Eŭropo en la kultura, religia kaj scienca kampoj indikis, ke nune ne ekzistas indikoj pri vera unueco en tiu aspekto, tamen li avertis ke malgraŭ sia kriterio, aktuale oni povas ekparoli pri Eŭropa Kulturo. Poste komencis diskutado inter la preleganto kaj la gekongresanoj. Fine, la subskribinto fermis la kunvenon kaj dankis S-ron. Moritz pro lia kunlaboro.

Ankoraŭ diskutante la ideojn de la antaŭa prelego, ni eniris en la grandegan salonon de la «PROFESIA KOMERCA LERNEJO», kie tuj komencis la,

GENERALA KUNSIDO

Estas en la estrado ĉiuj H.E.F.-estranoj. Malfermas la kunsidon nia Prezidanto D-ro. Sancho Izquierdo kiu rapide skizas la aktualan momenton de nia Federacio. Dekomence li antaŭdankas al ĉiuj partoprenontoj en la diskutadoj kaj tuj petas al la sekretariino, F-ino. Inés Gastón, ke ŝi legu, por ĝia aprobo, la akton atestanta pri la decidoj aprobitaj en la pasinta Generala Kunsido, la Raporton de la Laborperiodo 6.a aŭgusto 1963 -30 junio 1964 de la Hispana Esperanto Federacio kaj la tagordon, rimarkante la ĉefajn punktojn okaze de la antaŭa privata kunsido.

Unue la Sekretariino prezentis por la aprobo de la Generala Kunsido la rezolucion de la H.E.F.-estraro, t.e.: la ek-



Niaj samideaninoj vizitas la havenon.



Belaj, tipaj vestoj sur ĉarmaj belulinoj, briligis la Literaturan Feston.

sigo de la Vicprezidanto S-ro. Solé Saldaña. Unuanime estis aprobita la drasta rezolucio.

Ankaŭ oni traktis la ŝanĝon de la H.E.F.-regularo, sed ĉar la ideoj kaj opinioj de ĉiuj ne akordiĝis, la H.E.F. estraro decidis, ke momente oni ne ŝanĝu nian statuton, kaj dum la nuna jaro oni studu detale ĝin; tiamaniere dum la venonta Kongreso oni povos prezenti taŭgan regularon al la aprobo de la delegitaro kaj H.E.F.-anoj.

La Sekretariino legis proponon de «Círculo Esperantista Palentino» por okazigi la 26an Hispanan Esperanto Kongreson en Palencia. Unuanime estas akceptita Palencia kiel Kongresurbon. S-ro. Dativo Blanco nome de la Palencia Grupo salutis la kongresanojn kaj invitis ilin partopreni la Kongreson venontjare. Fortajn aplaŭdojn!!!

H.E.F.-estraro proponis omaĝi al la Pastro José Casanovas, el Gerona, pro lia sindonemo kaj oferemo al la Hispana Esperanto Movado. Fortaj aplaŭdoj donis plenan aprobon kaj kunsenton al la H.E.F. propono. Poste oni alvenis al la jenaj konkludoj:

Peti al la Gerona Urbestra Konsilantaro, nomigi straton je la nomo de D-ro. Esperanto; organizi omaĝakton dediĉe al la Pastro José Casanovas Genover, fare de la H.E.F.-estraro kaj pere de la estraranoj S-ro. Hernández Llusera kaj Prezidanto de HEJS. S-ro, Salvador Aragay. En oportuna momento oni avizos la Esperantistaron pri la dato de tiuj aktoj.

Post samideana babilado pri ĝeneralaj ideoj, la Prezidanto de H.E.F. fermis la Generalan Kunsidon, kaj la kongresanoj atendis kelkajn minutojn, ĉar en la sama salono devos okazi.

PRELEGO EN ESPERANTO,

fare de S-ro. Darío Rodríguez, kiu lerte prezentis interesegajn opiniojn, inter kiuj ni reliefigas la jenajn:

Esperanto bezonas gravan gazeton laŭ ekstera aspekto egala al la gravaj nacilingvaj revuoj, kiu fariĝu digna ambasadoro de nia Movado, kiu meritas kaj bezonas efikan portanton de niaj idealoj kaj heroldo de esperantismo.

Altigi la nivelon de la instrumetodoj de Esperanto, ĉar oni ne povas konsenti, ke la instruado de naciaj lingvoj superu, laŭ teknika aspekto, tiun de nia lingvo.

Ĉar ĉi tiuj, kaj ceteraj punktoj estis traktitaj tre majstre kaj vigle de la oratoro, la ĉeestantaro aplaŭdis la ideojn de la preleginto kaj instigis lin atingi la sopiratajn celojn.

FOLKLORA FESTO

Nokte, la kongresanoj renkontiĝis en la «CASA DE ARAGON», kie la Prezidanto de la asocio, S-ro. Foz Serrano, salutis nin kaj klarigis samtempe kelkajn detalojn de la tipa Grupo kiu tuj dancos kaj kantos. Ĉi tiu Grupo atingis en la jaro 1963, la unuan Premion en la Internacia Folklora Konkurso okazinta en Dijon (Francujo), kiun partoprenis Grupoj el 43 landoj. Se la komentarioj de la Prezidanto estis brilaj kaj elokventaj, la spektaklon kiun ni vidis oni povas taksi kiel unikan, neforgeseblan, mirindan, ĉar la tipaj paroj dancis la plej belajn aragonajn dancojn. Ankaŭ multe impresis la koncernaj kantoj interpretitaj de eminenta kantisto, unuvorte: la folklora festo estos por ĉiu, la plej agrabla kaj distra aranĝo de la programo, laŭ mia modesta opinio.



Vidaĵo el komuna vespermanĝo (Prezidantaro)

Nia Prezidanto, en la nomo de la Federacio, korespondis al tiu atentemo pendigante sur la standardo de la Artisma Grupo, kravaton kun arĝenta Kongresmedalo.

Vendredo, 24 Julio. — Je la 9.ª horo okazis en aŭlo de la «KOMERCA PROFESIA LERNEJO», la tradiciaj ekzamenoj pri Esperanto. La juĝistaro konsistis el S-ro, Jaime Aragay, prezidanto; S-ro. Salvador Gumá kaj S-ro. Juan Devis, kiel vokaloj. La tribunalo ĝoje deklaris, ke la lingva nivelo de la ekzamenitoj atingis altan poenton, tio kio pruvas la bonan preparon de niaj gesamideanoj. Sinceran gratulon al ĉiuj.

APROBIS LA ELEMENTAN KURSON (ESPERANTA KAPABLECO)

S-ro. Francisco Ballestero.
S-ro. Manuel Cos Serra.
F-ino. Concepción Rodríguez.
S-ro. Enrique Lamana.
S-ro. Dativo Blanco.
F-ino. M.ª Teresa Permanyer.

APROBIS LA MEZAN KURSON (INSTRUISTA ESPERANTISTO)

Pastro José M.ª Claramunt.
S-ro. Manuel Cos Serra.

La koncernan Diplomon sendos la Sekretariino de H.E.F. al la ekzamenitoj kontraŭ anticipa pago de 25 pesetoj.

En alia salono kunvenis la kunlaborantoj de la Informoficejo de H.E.F., bedaŭrinde nur partoprenis ĝin malmultaj samideanoj, tamen oni traktis diversajn problemojn, ekzemple: F. Merayo prezentis serion da diapozitivaj lekcionoj de Esperanto, kiujn li intencas uzi por instrui Esperanton en urboj kie ne ekzistas instruisto de nia lingvo. Se la provo sukcesas, eble ni jam havos la solvon por eviti la malfacilaĵojn en la instruado de Esperanto.

SOLENA AKCEPTO

Tagmeze en la majestra konstruaĵo de la Urbodomo akceptis la kongresanojn la Suburbestro kiu esprimis sian simpation kaj amikecon al nia Movado kaj senkulpigis la Urbestran Moŝton S-ro. Adolfo Rincón de Arellano, kiu pro ĉeesto en apuda kunsido ne povis persone saluti nin.

La Prezidanto de H.E.F. dankis la afablecon de la Aŭtoritatuloj kaj dediĉis afablajn vortojn al Valencio.

Tuj la kongresanoj vizitis la apudajn salonojn kie okazis ekspozicio pri la Turia-Rivero. En la menciita salono la Ur-

bestro lasante dum kelkaj minutoj la privatan kunsidon, salutis la esperantistojn kaj promesis sian helpon al la Esperanta Movado.

Iom post iom la kongresanaro okupis denove la grandan salonon de la Urbodomo por aŭskulti emocie, la

SOLEMAN FERMON

de la Jubilea Hispana Kongreso de Esperanto. Tiu momento estis por ĉiuj neforgesebla ĉar ĝi signifis, ke la oficialaj aranĝoj de nia Kongreso, estis baldaŭ finontaj. Tiun akton prezidis la Subkolonelo de la Aviadila Armeo, S-ro. Felipe Rodríguez Sedeño, en reprezento de la Ĉefa Aŭtoritatulo de la Aviada Regiono, kune kun la Prezidanto de H.E.F. D-ro Sancho Izquierdo, kiu glosis la afablecon de la valencianoj kaj la belecon de Valencio. Kun granda emocio li deklaris fermitan la 25-an Jubilean Hispanan Kongreson de Esperanto, kaj diris: Ĝis Palencio!!!

LITERATURA FESTO

Vespere en la moderna salono de la «KOMERCA PROFESIA LERNEJO» la samideanoj partoprenis en la plej bela aranĝo de la Kongreso, t.e. la LITERATURA FESTO. Prezidis ĝin 12 junulinoj vestitaj per tipe artismaj kostumoj, kie reprezentantinoj de la provincoj, en kie okazis la 24 antaŭaj Kongreso de Esperanto. Estis reĝino gracoplena fraŭlino M.ª Carmen Herrero, filino de nia antaŭa Prezidanto D-ro. R. Herrero, al kiu nia Prezidanto surmetis arĝentan Kongresmedalon; ŝi emocie dankis.

S-ro. José Ventura, kiel Sekretario de la Literatura Festo legis specialan dokumenton pri la solenaĵo kaj poste vokis la samideanojn premiitajn, kiuj legis siajn esperantaĵojn.

La reĝino diligente kaj delikatece disdonadis la premiojn al la gajnintoj de la Literatura Konkurso, kies nomoj estas:

S-ro. Gabriel Mora Arana.
S-ro. Manuel de Elézcano Maiztegui.
S-ro. Salvador Gumá Clavell.
S-ro. Juan Devis Calpe.
S-ro. Francisco Vilá Costa.
S-ro. V. de la Cruz.
S-ro. Saldanha Carreira.

Kiam la disdonado de la koncernaj premioj estis finita, la subskribinto glosis la Literaturan Feston menciante la altvalorajn esperantajn poetojn kiuj ĝis nun aperis en Esperantujo. Ankaŭ dediĉis al la kongresaj urboj laŭdindajn komentariojn kaj fine nomis la ĉefajn kaj elstarajn valenciajn poetojn kiuj famigis la urbon de l' Turia.

Fermis la aranĝon nia estimata D-ro Herrero, kiu koncize sed elokvente parolis al la spektatoroj.



Niaj samideanoj honoras la regalaĵon de la Valenciaj aŭtoritatuloj



Simpatia bonvenigo de la ĉestanaj samideanoj.

Ĉiuj partoprenintoj en la festo estis entuziasme aplaŭdataj.

Konstatante la samideanoj ke tuj komencos la

KOMUNA VESPERMANĜO,

translokiĝis al la restoracio «Dos Puertas» kie oni gustumis bonan manĝaĵon kaj trinkis nian faman ŝaŭman vinon «Verda Stelo», kiu varmigis nian koron.

Post la bankedo, eta junulara grupo forlasis la salonon kaj dezirante profiti la klaran kaj malvarmetan nokton, dancis ĉe privata societo ĝis noktomezo.

POSTKONGRESA EKSKURSO

Dimanĉo, 26 Julio. — Per du specialaj vagnoj la samideanoj translokiĝis de Valencia ĝis Cheste. Atendis la vagonaron la Urbestra Moŝto S-ro. Anselmo Balaguer Llopis kaj esperantistoj de la urbeto en la kajo de la stacidomo kie videbliĝas bonvena granda afiŝo. Loka muzikistaro akompanis nin ĝis la urbodomo kie la Urbestro bonvenigas la gesamideanojn kaj la H.E.F.-prezidanto dankas kaj salutas nome de la kongresanoj kiuj estis delikate kaj malavare regalataj per lunĉo.

Post la refreŝigado, la kongresanoj ope eniris en la preĝejon por sanktigi la dimanĉon. Dum la meso, S-ro. Jaime Aragay ludis religiajn muzikaĵojn, speciale la himnon «Espero» kiel fina religia marŝo. Tuj la esperantistoj vizitis la straton D-ro. Zamenhof kaj laŭrkronis la tabulon kiu memorigas la kreinton de Esperanto. Solenigis la momenton la loka muzikistaro ludante majstre La Esperon.

Poste oni kunvenis en la centra Teatro por okazigi Kulturan Akton. Prezidis la urbestro, la militista aŭtoritatulo, la H.E.F.-prezidanto kaj elstaraj esperantistoj. Tie nia prezidanto paroladis pri Esperantaj ĝeneralaĵoj kaj pri la ĉestana Esperanto-agado. Ankaŭ intervenis la HEJS.-prezidanto per kuraĝigaj vortoj al la gejunuloj. S-ro. Molera, resumis ambaŭ intervenoj en lingvo Esperanto por la eksterlandanoj kaj dediĉis afablajn vortojn al la elstara pioniro Francisco Máñez, fondinto en la jaro 1909 de la Esperantista Grupo «LUMRADIO» de Cheste, kaj ĝia animo dum multaj jaroj. La urbestro fermis la akton per trafaj kaj afablaj vortoj. Ĉiuj la parolintoj estis varme aplaŭdataj. La muzikistaro denove ludis La Esperon, kiun kantis la esperantistoj.

Vespere oni vizitis la faman lokan vinkelon «Cheste Vinícola» kie ĉiuj gustumis la tre riĉajn regionajn vinojn.

Jen karaj amikoj, eta skizo pri la vizito al Cheste. Detali abunde ĝin ne estas eble ĉar ni bezonus plenigi apartan bultenon. Senbezone diri ke ĉiuj samideanoj forlasis la ĉarman urbeton kun la koro plena de emocioj kaj feliĉaj travivaĵoj kies rememoroj restos dumvive en nia menso.

Kiel lasta aranĝo, la Valenciaj aŭtoritatuloj regalis nin per

FESTENO EN «CLUB NAUTICO»

La bankedo estis la lasta okazo kie la samideanoj renkontiĝis, pro tio dum ĝi, ĉiuj profitis la lastajn momentojn por noti adresojn, subskribi poŝtkartojn, babili, k.t.p. Generala bona humoro kaj



Omaĝo al Dro. Zamenhof

sana feliĉo fermis neoficiale nian Jubilean Hispanan Kongreson de Esperanto. Nur restas al ni revi pri alia simila solenaĵo, eble la jaron 1989a. Ĉi tiu penso akompanos nin ĉiam.

Ni devas strebi kaj en vera unuiĝinta grupo venki la barojn kiuj ankoraŭ nun malhelpas la diskonigadon de nia kara lingvo Esperanto.

Finfine ni atentigas ĉiujn pri nia venonta Kongreso. Ĝi okazos en Palencio, urbo kie lasttempe, grupo de esperantistoj laboras kuraĝe kaj sindoneme. Aranĝu vian buĝeton kaj partoprenu en ĝi.

PALENCIO ATENDAS VIN GEKARULOJ!

ĜIS REVIDO!

*S. Aragay*

## DONACU!!

Donacante belaĵon, ni ĝojas kaj ĝojigas. Profitu nun la okazon kaj aĉetu por vi aŭ por viaj amikoj kaj samideanoj belajn esperantaĵojn el jena listo. Tio, samtempe propagandi Esperanton kaj helpi la Federacion atestos pri via bona gusto.

Mendu ilin tuj mem.

| | |
|---|---|
| Porcelanaj teleretoj kun alegorio mane pentrita ... ... ... ... | 45 ptojn |
| Porcelanaj cindrujoj kun alegorio ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 25 » |
| Teleretoj kun Esperantaj proverboj ... ... ... ... ... ... ... | 10 » |
| Esperantaj flagetoj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10 » |
| Papertuketoj (po. 25) ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 7'50 » |
| Rondaj kaj stelformaj Esperantaj insignoj ... ... ... ... ... ... | 12 » |
| Belaj kaj bonkvalitaj kristnaskaj kartoj ... ... ... ... ... ... | 2 » |
| » » » » » fald-formataj ... ... | 2,50 » |
| Insignoj de nia Jubilea Kongreso ... ... ... ... ... ... ... ... | 25 » |
| Kongreslibroj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 25 » |
| Afiŝoj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 5 » |

**Boletin extraordinario 15 ptas. - Boletin normal 7 ptas.**

Sendu vian mendon al la Sekretariejo de H.E.F. str. Marina Moreno 35, 4.° ZARAGOZA.



## Niaj pioniroj...

# Francisco Máñez Sánchez

Ĉemane mi havas aron da malnovaj revuoj...; hejma bindo, flaviĝantaj folioj kelkloke taŭzitaj; eksmodaj vestoj, kiome stravagancaj nun!, mute atestas pri forpasintaĵoj..., pri iamaj sociaj kaj politikaj rebriloj, plej ofte strasaj, falsaj, nun polvo, forgeso..., morto.

Tamen, ne ĉio estas tia; kelkfoje el plej malfavoraj medioj, en plej malfacilaj cirkonstancoj, aperas homoj kiuj sternante la idolaron de praegoismoj, trosinamoj, timoj kaj orgojloj, sin dediĉas al la aliaj, al la instruo de homoj —kelkfoje ne estante ili mem instruitaj laŭ oficiala konsidero ĉar ja diplomojn ili ne havas al la realigo de mondampleksaj idealoj karaj al ili, al la disvastigo de ideoj noblaj kaj homamaj..., kaj tiam eble revuoj kaj ĵurnaloj hastas al laŭdo kaj mirigas el ilustritaj revuoj tiujn kiuj en la vivo nur sojfas al materiaj profitoj aŭ personaj avantaĝoj.

Francisco Máñez Sánchez (1888a — ankoraŭ bonfarte kaj feliĉe vivanta), unu el tiuj granduloj kiuj plurfoje ricevis ĝustan laŭdon el gazetaraj kaj oficialaj rondoj, venas nun en la paĝojn de «Niaj Pioniroj». La homo kiu iam ricevis unu el la plej honorigaj distingiloj naciaj: la labormedalon; la humildevena kamparano kiun ricevis Lia Papa Moŝto Pio XI kaj ĝuis la amikecon kaj estimon de landaj kaj eksterlandaj eminentuloj, la esperantisto kiu, granda en koro, animo kaj obstino, esperantistigis tutan vilaĝon kaj estis unu el la plej fervoraj kunlaborantoj en la bonfara entrepreno «Helpo al Aŭstriaj Infanoj» de ĉiuj konata, ricevas nun nian humilan omaĝon, la omaĝon de homoj kiuj sincere valoras lian noblan karakteron, lian gravecon en la movado kiun ni fervore kunvartas, kaj kies konsiloj ofte helpis nin en nia laboro. Sed tamen, ni konu iom el la fekunda vivo de nia veterano, ni foliumu kelkajn el tiuj jam malnoviĝintaj revuoj...

«Hispana vilaĝo (Cheste) kies ok mil loĝantoj parolas Esperanton»... «Francisco Máñez, nelacigebla propagandisto de Esperanto kiu sukcesis lernigi al tuta vilaĝo la internacian lingvon»... «Aŭtodidakta kamparano, kiu neniam faris oficialajn studojn, instruas diplomitulojn..., kiu ne estante mem blindulo regas la brajlan sistemon por legado, kaj instruas Esperanton al blinduloj». ktp., ktp., ktp.

Rezignante pri pluaj transkriboj el gazetaj raportoj kaj antaŭ ol fari al nia samideano la koncernajn demandojn de nia rubriko, ni esprimas ankaŭ nian profundan estimon kaj admiron al lia ĉarma edzino Victoriana Bueno de Máñez, ankaŭ fervora esperantistino kaj fakta personigo de delikateco kaj virina ĉarmo.

Niajn demandojn S-ro Máñez respondas jene:

1. *«Kie kaj kiam vi kontaktis kun Esperanto kaj eklernis ĝin?»*

En Cheste (Valencio), mia naskiĝurbeto, kie mi laboris tiam kiel tekulturisto. Pri la dato, mi ne estas tute certa, sed mi kredas ke okazis dum la lastaj monatoj de 1907.. Amiko mia diris al mi ke li legis en ĵurnalo, ke estis elpensita tre facila lingvo nomita Esperanto, por ke ĉiuj homoj en la mondo povu interkompreniĝi kaj interamikiĝi; tiu ideo ravis min kaj de tiam mi serĉis rimedon por lerni ĝin. Post kelkaj monatoj, mi trovis en Valencio gramatikon de Duyos-Inglada kaj mi komencis lerni Esperanton tute sola, konante neniun esperantiston. Mi estis tiam dudekjara proksimume.

. *Kiu estis la ĉefa faktoro kiu instigis vin lerni Esperanton?*

Al mi instigis tion, interkonatiĝi kun la malfeliĉuloj de la tuta mondo kaj helpi ilin laŭeble, kaj ankaŭ ĝui konante la feliĉecon de la feliĉuloj, se ili ne agas malbone kontraŭ la aliaj.

3. *Laŭ via opinio, kiu estas la ĉefa celo de Internacia helpa lingvo?*

La interkompreniĝo de la homoj ĉar mia preskaŭ denaska opinio kredigas min ke la malkompreno aŭ la miskompreno, naskas disputojn, kverelojn, batalojn aŭ almenaŭ malkonfidojn, kaj male, la bona kompreno kapabligas la homojn por helpi sin reciproke kaj atingi la bonon, aŭ eviti malbonon.

4. *Kion vi —spertulo— konsilus fari al la esperantista aro por pliviglígi kaj pligrandigi nian movadon?*

Montri *ĉie kaj ĉiam la bonajn kvalitojn de Esperanto kaj konvinki kiel eble* plej multajn personojn, entreprenojn kaj korporaciojn, ĉu oficialaj aŭ ne, pri la avantaĝoj kiujn atingus ĉiuj ni, per la lernado kaj oficialigado de la Internacia lingvo en la tuta mondo.

5. *Post via longa vivo Esperantista kian mesaĝon vi transdonus al la nuntempaj esperantistoj?*

Laŭ mia modesta opinio, ĉiuj esperantistoj estantaj kaj estontaj devas esti ĉiam pretaj por instrui, propagandi kaj praktiki Esperanton kaj ankaŭ helpi la fremdulojn laŭ eble; ĉiuj devas esti konstantaj kaj fidelaj al la Fundamento, sen reformemo nek trograndigemo, ĉar tiuj emoj povas naski dividojn inter ni. Se oni trograndigas la bonajn kvalitojn povas ridindigi ilin kaj agi malutile; sed ankaŭ agas malutile, laŭ mia opinio, tiuj kiuj trograndigas kaj plimultigas ĝiajn malfacilaĵojn. Kelkaj pledas por konservi netuŝebla la vortaron kiun Zamenhof proponis en la komenco, kaj aliaj, male, volus aldoni amason da superfluaj vortoj ne necesaj, sed Esperanto, zorgate de la Akademio, sekvas la naturan evoluon, aldonante nur la necesajn esprimojn kaj flankenlasante la aliajn, pro tio, estas konsilinde, ke ĉiuj konsciaj esperantistoj helpu tiun naturan kaj progresivan evoluon por ke Esperanto atingu, sen deflankiĝi, la necesan perfektiĝon por plenumi dece la destinitan rolon de tutmonda helpa lingvo, kiel eble plej rapide.

# XXXa I.K.U.E. KONGRESO EN VALENCIA

Valencio, la tria urbo el Hispanujo, la urbo fondita cent jaroj antaŭ Aŭgusto (la romana Imperiestro) kunigis la hispanajn kaj eksterlandajn esperantistojn por partopreni en la 25a Jubilea Hispana Kongreso de Esperanto, kiu okazis de la 21a ĝis la 24a de julio, kaj en la XXXa Kongreso de IKUE okazinta de la 23a ĝis la 29a de la sama monato.

La suno, kongresano numero 1 de ambaŭ Kongresoj, ĉeestis ĉiujn programerojn kaj donacis abunde kaj malavare al ĉiuj esperantistoj siajn varmajn kaj ardajn radiojn. La valencianoj konkuris kun la suno per siaj varmaj koroj en la tasko agrabligi la restadon en Valencio de ĉiuj fremduloj; ĉio kontribuis al la sukceso de tiuj Kongresoj: la gastameco de la valencianoj, la simpatio de la lokaj aŭtoritatuloj, la streĉa laboro de la L.KK-oj, la estraranoj, la prelegantoj, la gvidantoj de la ekskursoj, la etoso, kaj eĉ la valencia pilafo, la orĝado, la floroj...

Jaŭde 23. — Nia I.K.U.E.-Kongreso komencas. Je la 17a multaj gesamideanoj el diversaj eŭropaj landoj interkonatiĝis kaj ricevis la dokumentaron ĉe la kolonara salono de la «Lonja». Poste okazis intersaluton en la ora salono. Ni renkontis multajn malnovajn geamikojn kaj ĉiuj ankaŭ trovis novajn vizaĝojn kun kies posedantoj oni baldaŭ amikiĝis.

Vendrede 24. — En la Preĝejo Sankta Laŭrenco (PP. Franciskanoj) okazis la tagaj Mesoj de la Kongreso. Inaŭguran Diservon celebris sac. A. Beckers, Prezidanto de I.K.U.E. kiu korege salutis al la gekongresanoj kaj deziris ke la Valencia Kongreso estu tre fruktodona por I.K.U.E.

Je la 11a okazis solena akcepto en la Urbodomo de ambaŭ Kongresanaroj. En la nomo de la urbestro, kiu ne povis veni pro nepra ĉeesto en alia loko, salutis la esperantistaron la urba ĉefkonsilanto per koraj kaj sinceraj vortoj dezirante al ĉiuj bonan kaj agrablan restadon. Respondis la Prezidanto de H.E.F. D-ro Sancho Izquierdo kaj tiu de IKUE pastro Beckers.

Je la 12a la IKUE-Kongresanaro iris al la strato Trinitarios por la Malferma Kunveno, Malgraŭ lia promeso la ĉefepisopa Moŝto ne ĉeestis, pro tio prezidis la Kunvenon sac. Beckers.

Post la kristana saluto malfermis la Kongreson kaj salutis la kongresanojn la Prezidanto de IKUE. Li bonvenigis ĉiujn ĉeestantojn kaj gratulis tiujn kiuj faris la laborpreparojn de la Kongreso precipe D-ro Herrero. Poste ,nome de la L.K.K. salutis D-ro Herrero per fluaj, sinceraj kaj ĉarmaj vortoj. Li diris ke la varmeco ne estas pro la suno sed pro la koroj de la valencianoj, kiuj malfermis siajn brakojn por akcepti sindone ĉiujn esperantistojn.

En la nomo de la hispana sekcio de IKUE (Katolika Esperantista Hispana Asocio) salutis la kongresanojn D-ro de la Puente prezidanto de KEHA kaj skizis la aperadon de la Virgulino en la tri hispanaj urboj en kiuj okazis Internacia Esperantista Renkontiĝo: Virgulino «de Monserrat» patronino de Barcelono, kie okazis la IIa Eŭkaristia Esperanto-Mondkunveno en 1952 Virgulino «del Pilar» patronino de Zaragozo urbo de la XXVIa Internacia Kongreso de IKUE, kaj Virgulino «de los Desamparados» patronino de Valencia, sidejo de la nuna Kongreso.

Poste okazis omaĝo al la diversaj landaj grupoj de IKUE reprezentataj ĉe la Kongreso. Pastro Beckers indikis la nomon de la reprezentanto kiu supreniris al la podio. D-ro de la Puente montris flageton de la respektiva lando. Pastro Flammer deklamis omaĝajn strofojn al la koncerna lando, verkitaj de D-ro Jan Filip kaj fine la kongresanoj tondre aplaŭdadis. Unu post la alia, ĉiuj reprezentantoj defilis antaŭ la podio por ricevi de la ĉeestantaro la omaĝon al lia lando. Tiu ĉi omaĝo estis nekutima, sed kortuŝa. Per religia kanto finis la solena Malferma Kunsido.

Sabate 25. — Festo de Sankta Jakobo Patrono de Hispanujo. - Ĉefepiskopa Moŝto ne celebris nian Meson kiel estis anoncite, tion faris Prezidanto Beckers en la Kapelo de la Sankta Kaliko de la katedralo. Tiu kaliko, laŭ la tradicio, estas la sama kiun uzis Jesuo en la lasta vespermanĝo kun siaj Disĉiploj, la Apostoloj. Jozefo de Arimatea konservis ĝin kaj post kelkaj avataroj ĝi alvenis al Hispanujo, unue al la aragona monakejo «San Juan de la Peña» kaj

poste al Valencio. Patro Casanoves C.M.F. gvidis la liturgian kantadon. Ĉiuj eliris tre kontentaj el tiu ĉi diservo. Je la eliro oni faris la ĝeneralan fotadon.

En la kolegio Sankta Jozefo (PP. Jezuitoj) okazis la ĝenerala kunveno de IKUE je la 16a.

La prezidanto P. Beckers proponas al la ĉeestantaro aprobon (aŭ ne) de la nova estraro provizore ĝis la proksima Kongreso, kaj aprobon (aŭ ne) de la laboro farita de la estraro dum la lastaj jaroj. La ĝenerala kunveno aprobas ambaŭ aferojn kaj konsekvence supreniras al la podio la estraranoj. La Prezidanto anoncas ke estas komisiitaj tri fakuloj por prepari novan estatuton de IKUE, kiu estos submetita al la venonta Kongreso por ĝia aprobo.

Sekretario sac. W. Flammer (Svislando) legis la protokolojn de la pasinta Kongreso en Romo, kaj la ĉefajn agadojn de IKUE dum la lastaj jaroj: plialtigo de la kotizo, broŝurserio «Kristana Kulturo», rilate kun L.A.F. ŝanĝo de redaktoro kaj formato de Espero Katolika, administracio, membrostatistiko (nun estas 1.320 membroj), kontakto kun Vatikano, kontentiga vizito al la nuna Papo Paulo VIa (pri kio oni rakontis jam en E.K.), disdonado de 2.000 leteroj al Konciliaj Patroj pri Esperanto, K.T.P.

Profesorino Maudente (Italujo) parolis pri la panelo «Patro Nia» en Jerusalemo, sed la monkolekto ankoraŭ ne sufiĉas; pro tio E.K. daŭrigos la monkolekton. Ŝi pritraktis la eblecon pilgrimi Jerusalemon okaze de la lokigo de la panelo en Esperanto, dum la venonta jaro.

La prezidanto anoncas ke estas du proponoj por la venonta Kongreso: Belgujo kaj Svislando, kaj la ĝenerala Kunsido devas decidi. Pro granda plimulto oni elektis Svislandon.

Pastro Beckers fermis la kunsidon per finaj vortoj.

Poste kaj en la sama loko D-ro de la Puente, Prezidanto de la hispana ligo KEHA faris belegan kaj daŭran prelegon pri «La hejma paco». Ciŭj ĉeestantoj ĝojis pri la temo elektita, kiun majstre eksponis la preleganto.

Dimanĉo 26. — Kiel dum la aliaj tagoj, la esperantista Meso okazis en Sankta Laŭrenco. Celebris kaj bone predikis nia karega Patro Jacobitti (O.P.) Romo.

Je la 20a Patro Manuel Casanoves CMF (Hispanujo) faris prelegon pri «La Problemo de Naciaj malplimultoj en la Encikliko la Surtera Paco». La preleganto bonege faris la ekspozicion de la temo kaj montris lertan scipovon de la esperanta lingvo. La malgranda pluvo malhelpis la ĉeestadon.

Lunde, 27. — Antaŭ la eliro al tuttaga ekskurso al Sagunto, okazis Meso kiel ĉiutage. Celebris kaj predikis Patro Jo-



La Kongresanoj antaŭ la Katedralo

zefo M. Claramunt Sch. P. (Hispanujo). La sama Patro ankaŭ faris vespere prelegon en Kolegio Sankta Jozefo. Dum mallonga sed bonega prelego li pritraktis pri la kvara parto de «La Surtera Paco»: «Universala bonfarto-paco-mondsocieto». Patroj Claramunt kaj Casanoves estas novaj esperantistoj kaj IKUEanoj, sed tre entuziasmaj pro nia movado.

Poste okazis la kunveno de KEHA (hispana ligo de IKUE). Prezidis D-ro de la Puente, kaj konsilanto Kanoniko Francisco Fernández. El tiu ĉi kunveno oni esperas ke multe vigligis Esperanton en Hispanujo, kaj ke IKUE movado progresos en la katolika Hispanujo.

Marde 28. — Patro Manuel Casanoves, celebris la Meson kaj faris la predikon de tiu ĉi tago, tiu Patro tre bone predikas esperantlingve.

Dum la mateno okazis la lastaj estrarkunsidoj kaj je la 13a la solena akcepto de la Kongresanoj en la Deputitejo. Parolis la Prezidanto de la Deputitejo, la Prezidanto de IKUE sac. Beckers kaj D-ro Sancho Izquierdo. Tradukis hispane kaj esperante laŭ la bezono senlaciĝulo D-ro Herrero, animo de la Kongreso kaj ĝia sekretario. La kongresanoj poste vizitis detale la diversajn salonojn de la Deputitejo.

Je la 19a en la Kolegio Sankta Jozefo okazis la solena Fermo. Prezidis Pastro Beckers, kiu faris resumon de la Kongreso, kaj dankis al la partoprenantoj kaj ĉeestantoj pro ĝia bona sukceso.

Parolis en la nomo de la hispanoj F-ino Casasnovas. Poste adiaŭis D-ro de la Puente nome de la K.E.H.A. kaj D-ro Herrero nome de L.K.K.

Pastro Flammer invitis ĉiujn partopreni post du jaroj en la XXXIa Kongreso de IKUE okazonta en Svislando, verŝajne en St. Gallen. S-ro Scherer (Svislando) lerte kantis belajn folklorajn svisajn kantojn kiuj ĝojigis la ĉeestantojn.

Fine Pastro Beckers fermis la Kongreson.

Merkrede 29. — La lastan Meson celebris la ekretario de IKUE sac. Flammer (Svislando) ĉar Patro Pausback ne povis veni al la Kongreso. Patro Flammer kiu laŭtlegis la Epistolon kaj la Evangelion esperantlingve, ankaŭ faris bonegan predikon. Ĉiuj predikoj temis pri la Encikliko «La Surtera Paco». Dum ĉi tiu Meso laŭkutime oni faris monkolekton por I.K.I.

Finfine je la 8a vespere okazis adiaŭa festivalo en la ora salono de la palaco de la «Lonja» kiu estis belega kadro por tiu Festo.

Unue oni donacis florbukedon, omaĝe al ĉiuj esperantistinoj en la persono de S-ino Winkelhofer el Vieno. Poste aro da gejunuloj vestitaj per tipaj belegaj regionaj kostumoj eniris en la salonon ludante popularan muzikon. Sekvis ĉarmaj kaj ĝojoplenaj valenciaj dancoj kiuj atente kaj plezure estis rigardataj de la ĉeestantoj. Ili estis tiel belaj ke multaj faris fotadon por daŭre konservi tian neforgeseblan artaĵon. Brilega fino por la Kongreso. La kongresanoj kun sincera kaj reciproka adiaŭo kaj koraj manpremoj eliris el Valencio kun plena ĝojo.

La estraro de IKUE, kaj ĉiuj Konresanoj dankas kore ĉiujn kiuj preparis la Kongreson kaj tiujn kiuj helpis por atingi la bonegan sukceson de nia XXXa Kongreso. Precipe estas dankinda D-ro Rafaelo Herrero, kiu kiel en Romo Patro Jacobitti, dum unu jaro, senlace kaj preskaŭ sola, laboregis por nia Kongreso.

Fine ni povas certigi, ke kun la sama granda entuziasmo kun kiu komencis. nia Kongreso ankaŭ finis, kaj ke la valenciaj esperantistaj tagoj estos neforgeseblaj.

P. JOZEFO M. CLARAMUNT SCH. P.
FERNANDO DE LA PUENTE

## N E K R O L O G O

La 25-an julio sankte mortis en Tárrega (Lérida), kie naskiĝis, nia karega nova samideano FRANCISKO SERRA CASTELLO, 22jara.

Li estis unu el la plej entuziasmaj el nia nova Grupo, kaj li lernigis la Esperantan Himnon al niaj gesamideanoj.

Ciam li estis ĝoja, kaj ĉiam helpis al ĉiuj.

La 21-an aŭgusto en la Cefpreĝejo Sankta Antono, ĉiuj la gesamideanoj ĉeestis la Meson pro nia Francisko.—VILLANUEVA Y GELTRU.

# 49ª UNIVERSALA ESPERANTO KONGRESO EN HAGO

Bela portiko de la 49ª Universala Kongreso estis la Antaŭkongreso de Bruselo.

Dank' al la laboro kaj sindoneco de pluraj samideanoj apartenantaj al la esperanta loka grupo, en kies fronto multobliĝis je atentemo la geedzoj Fighiera, ĉio estis perfekta kaj grandioza: la aŭtobusa vizito tra Bruselo, kun haltoj en la plej tipaj lokoj; la gvidataj vizitoj al la Muzeoj kaj al la mezepoka Abatejo de la Cambre; la akcepto kaj regalo ĉe la Teraso Martini, en la 29ª etaĝo de la samnoma ĉielskrapulo en la centro de la urbo, kaj en la Erasmodomo, fare de S-ro. Bracops, parlamentano kaj urbestro de Anderlecht (unu el la komunumoj de Bruselo) al kies vortoj de bonveno respondis S-ro. Jaumotte, Prezidanto de la Belga Esperanta Ligo; la Bankedo kaj Balo...

Estis du belegaj tagoj je kies fino, en speciale rezervitaj vagonoj, la partoprenantoj de la Antaŭkongreso veturis per trajno al Hago.

Tiu ĉi U.K. de Hago estis unu el la plej multenombraj, kun 2.430 kongresaliĝintoj enskribitaj sur la adresaro de la Kongreslibro, al kiuj oni devas aldoni ankoraŭ multajn, kies aliĝo ne alvenis akurate por enmeto en ĝi. La lasta oficiala informo nombras 2.512 kongresistojn apartenantaj al 43 landoj. Tio igis ke multaj kongresokazoj devis esti realigitaj en aliaj lokoj el la kongresejo. La komuna fotiĝo, kies scenejo estis la ampleksa teraso de la «Kurhaus», kun la maro kiel fono, ne ampleksis pro spaco la tuton de la kongresanaro (nur sur grandformata foto oni povas rimarki la vizaĝojn de tiu homamaso) pro kio ni devis rezigni ĝian publikigon en nia bulteno.

La Akceptejo estis instalita ĉe la konstruaĵo «Diurentuin» en kies ampleksa salono okazis la Interkona Vespero kaj kie apenaŭ ekzistis la ebleco interkoniĝi pro la granda nombro da samideanoj kiuj kunvenis tie.

Sekvantan tagon estis la Kongresinaŭguro. Antaŭe, matene kaj en la Hpize Maris Stella havis la katolikoj, kiuj plenigis la kapelon ĝis elbordiĝo, mem uzan-



Solena malfermo

te la presbiterion, komunan meson, kiun celebris Prof. Pastro L. Thalmaier. kaj poste, en la posttagmezo, ĉe la ampleksa teatrosalono la «Kurhaus», la Solenan Malfermon.

Ĉe la Prezidtablo, ornamita de florgirlandoj, la reprezentanto de Ministerio por Instruado, Arto kaj Sciencoj, Mag. Schölvinck, la ĉefceremoniestro de la Reĝa kortego Ekc. Pahud de Mortanges, la Provincestro de Sudholanda Mag. Klaasesz, Prof. D-ro. Gorter, Prezidanto de Reĝa Nederlanda Akademio de Sciencoj kune kun la estraro de U.E.A. kaj la L.K.K. Malantaŭ, en unua vico, la registaraj reprezentantoj. Poste, la reprezentantoj de la Landaj Asocioj; je la fono granda Esperanto flago.

Post la vortoj de la 1.a Vicprezidanto kaj aganta Prezidanto H.W. Holmes, per kiuj li bonvenigis kaj dankis ilian ĉeeston al la menciitaj reprezentantoj de la Nederlanda Registaro, kaj post interkonsento pri sendo de telegramo al la Reĝino Juliana, oni silentis dum kelkaj minutoj kiel omaĝo al la mortinta Prezidanto D-ro. Hideo Yagi. Poste, Mag. Schölvinck kaj Mag. Klaasesz salutis la Kongreson nederlandlingve, tradukante iliajn vortojn al Esperanto F-ino. Vermaas kaj respondante per dankaj esprimoj la 2.a Vicprezidanto de U.E.A. S-ro. Wensing.

Post la vortoj de la Prezidanto de la L.K.K. Ing. Insbrucker kaj tiuj de H. W. Holmes per kiuj oni dankis al la dirita komitato pro ĝia laboro, komencis la salutoj de la reprezentantoj. Unue, la registaraj reprezentantoj, laŭ kies vicordo salutis je la nomo de la hispana registaro, nia Prezidanto D-ro. Sancho Izquierdo, kaj poste tiuj de la diversaj landaj asocioj; parolis je la nomo de nia Federacio kaj de la tuta hispana esperantistaro Prof. S-ro Régulo Pérez.

Interesa momento de tiu ĉi kunsido estis la defilado en la intertempo de la reprezentantoj de la Infana Kongreseto.

Fine paroladis la Generala Sekretario Prof. D-ro. Ivo Lapenna.

Tiun saman tagon estis inaŭgurita la Internacia Somera Universitato, en kiu, tiun vesperon kaj sekvantajn tagojn lekciis, Profesoroj, Boĵa Popovic, Juan Régulo Pérez, Gaston Waringhien, Sin'itivo Kawamura, Ivo Lapenna, Oton Panzer, John Wells kaj Inĝ. Vasil Peevski.

Estis du ĝeneralaj kunvenoj, lundon kaj vendredon vespere kaj la Komitato okazigis ses longajn kunsidojn.

Laŭlonge de la diversaj tagoj okazigis siajn kunsidojn (ni mencias laŭ la ordo kiel okazis): la «34a Internacia Kunveno de blindaj esperantistoj»—, la «Internacia Fervojista Esperantista Federacio»—, la «Internacia Scienca Asocio Esperantista»—, la «Skolta Esperantista Ligo»—, la «Internacia Asocio de Juristoj Esperantistoj—, la «Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj»—, la «Kristana Esperantista Ligo Internacia»—, la «Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista»—, la «Internacia Geografia Asocio—, la «Internacia Asocio de Esperantistaj Eldonistoj kaj Redaktoroj»—, la «Mondpaca Esperantista Movado»—, la «Veterana Esperantista Klubo»—, la «Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio»—, la «Studenta Tutmonda Esperantista Ligo»—, la «Asocio de Bestamikoj—, la «Universala Medicina Asocio»—, la «Esperanta Ŝak-Ligo Internacia», la «Virinoj» kiuj, por unua fojo kunvenis kaj interkonsentis fondi sian «Internacian Esperantistan Virinan Organizaĵon»—, la Internacia Ligo de Esperantistaj Filmistoj»—, la «Internacia Societo de Arkitektoj kaj konstruistoj»—, la «Internacia Ligo de Agrikulturoj Specialistoj»—, la «Ornitologia rondo Esperantlingva»—, la Internacia Esperanto Radio Instituto»— kaj eble ankoraŭ kelkaj aliaj.

Laŭ alia ordaranĝo la 3.an lundon, je la kvara vespere oni okazigis la unuan prezentadon de popolaj dancoj kaj kantoj de Nederlando, kiujn oni devis ripeti kelkajn tagojn poste.

La Grupo Internacia Arta Teatro prezentis, en la 3.a nokte kaj en la vesperoj de la 5.a kaj 6.a, La amo-n de D. Perlimplino de García Lorca; Edziĝproponon de Ĉenov, La morton de Lia Ekscelenco, de Matkoviĉ; Sen eliron (Huis clos) de Sartre, Hanibalon de Kljakoviĉ kaj La lecionon de Ionesco.

La 4.an tagon mardon kaj je la kvara posttagmeze, oficiala akcepto fare de la Nederlanda Registaro kaj Urbestraro de Hago en Ridderzaal, la parlamentejo kiun oni uzas por krona parolado de la reĝino.

La saman tagon, Oficiala Bankedo en Diurentuin, kaj tuj poste Oficiala Balo.

Merkredon, je la 11a horo okazis laŭ kutimo en tiuj ĉi Kongresoj, la Oratora Konkurso kiun partoprenis sep konkursantoj, gajnante la unuan premion Aŝvini Kumar, kaj vespere, la Belartaj Konkursoj, asignante la unuajn premiojn (tial ke pro manko da spaco, ni ne povas nomi ĉiujn premioricevintoj),de originala poezio, al Vesna Skaljer-Race, el Jugoslavio; de traduka poezio, al Leopoldo Henrique, el Brazilo; de originala prozo al Albert Samyn el Belgujo; de dramo, al A. Put el Nederlando kaj fine la premion Nova talento al W. A. Verloren, el Nederlando.

La tago dediĉata al ekskursoj estis jaŭdo; al plej multenombra eksurso estis tiu de Amsterdam, ĉar krom la 250 personoj kiuj veturis per aŭtobuso, uzis la vagonaron multaj grupoj kiuj ne povis atingi lokon kaj estis gvidataj de amsterdama samideano.

Al Valeheren ekskursis 265 personoj; al Deltaj laboroj pli ol 200, kaj al Ferm-digo, nur 40.

Tiun nokton, oni bruligis sur la strando de Scheveningen kolekton da artfajraĵoj aŭ piroteknikaj ludoj; oni invitis por tion vidi de la Karhaus-a teraso al la komitatanoj kun kelkaj elstaraj kongresanoj.

Vendredon nokte okazis la Distra Vespero en granda salono de Diurentuin, kie kolektigis pli ol 2.000 kongresanoj.

Fine, la sabaton, okazis la Fermo de la Kongreso en la sama salonego de la Kurhaus kie okazis solena inaŭguro.

S-ro. Holmes eldiris dankajn vortojn al ĉiuj kiuj helpis en tiu ĉi Kongreso Prof. Waringhien prezentis rezultojn de la Belartaj Konkursoj; D-ro. Carlo Minnaja proklamis la rezultojn de Oratora Konkurso.

Fine S-ro. Holmes proklamis la elekton de la nova Prezidanto de U.E.A. D-ro. Ivo Lapenna kiu, antaŭ la preskaŭ unuanima voĉdonado de la Komitato, akceptis ĝian peton. La Kongreso ricevis la noticon kun granda ovacio. La nova Prezidanto, sekve, prezentis la aliajn estraranojn: 1an Vicprezidanton, S-ro. E.L.M. Wensing (Nederlando); 2an Vicprezidanton, S-ro. Carlen (Svedujo); Ĝeneralan Sekretarion, S-ro. Becker (Germanujo), Prezidanton de T.E.J.O.; Estraranoj D-ro. Albaut (Francujo), S-ro. Jaumotte (Belgujo), S-ro. Toczyski (Polando), kaj Sro. E. J. Woessink (Mederlando). Sinjoro Tonkin estis enigita en la Estraron kiel reprezentanton de TEJO. Ĉiuj nomoj estis ricevitaj de la kongresanaro per longa aplaŭdado. Li diris ankaŭ ke la Komitato unuanime elektis S-ron Holmes kiel honoran prezidanton kaj listigis lian meriton. Poste oni aprobis kiel Kongresan rezolucion la proponon kiun la komitato prezentos al Unuiĝintaj Nacioj okaze de la jaro de Internacia Kunlaboro. S-no Isobe, prezentante la L.K.K. de la 50a U.K. en Tokio, invitis al Tokio kaj transprenis la kongresan flagon. Per himno «La Espero» finiĝis ĉi tiu impone kaj sukcesa Kongreso.

## KONGRESA REZOLUCIO

«Donante plenan apogon al la klopodoj de Unuiĝintaj Nacioj progresigi la kunlaboradon inter la popoloj kun la celo dispeli internaciajn tensiojn kaj firmigi la mondan pacon; sed profunde konvinkitaj, ke la lingvodiverseco prezentas unu el la plej gravaj obstakloj al plua intensigo kaj vastigo de internacia kooperado sur ĉiuj niveloj; prenante en konsideron la Rezolucion de la 10a de decembro 1954 per kiu la Ĝenerala Konferenco de Unesco rekonis «la rezultojn atingitajn per Esperanto sur la kampo de internaciaj intelektaj interŝanĝoj kaj por la proksimigo de la popoloj de la mondo».

La 49a U.K. de Esperanto okazinta en Hago de la 1-8-a de aŭgusto 1964, kiun partoprenis pli ol 2.500 reprezentantoj el 43 landoj de ĉiuj kontinentoj proponas ke Unuiĝintaj Nacioj solvu la lingvan problemon per efektiva kaj efika helpo al disvastigo de la neŭtrala Internacia Lingvo Esperanto, rekomendante ankaŭ al la Statoj-membroj progresigi ĝian instruadon kaj stimuli ĝian uzon en la internaciaj rilatoj de la popoloj».

D-ro Lapenna petis ĉiujn kongresanojn kaj ĉiujn esperantistojn tra la tuta mondo streĉi ĉiujn eblajn fortojn por kolekti rapide milojn da subskribojn por tiu propono al U.N.

SANCHO REBULLIDA

# Grava Evento

La sepa de Junio restos memorinda tago ĉe la katalunhispana esperantistaro, ĉar en tiu dato, la veterana grupo «STELO DE PACO» trafis manifesti sian dankemon al ĉies ŝatata pioniro kaj akademiano, P-rof. DELFI DALMAU GENER.

Kvankam oni ekpreparis omaĝon intiman, la elstara figuro de la omaĝoto devigis la organizantojn dissendi invitilojn al H.E.F., H.E.J.S., U.E.A., ĉefdelegito kaj regionaj societoj, kies aliĝoj aŭ ĉeesto solenigis la akton.

Antaŭ cent dudek kvin partoprenantoj, la prezidanto de «STELO DE PACO», legadis la ricevitajn aliĝmesaĝojn, dankis al delegitoj ties ĝentilan ĉeeston, reliefigis la gravajn meritojn de la omaĝato, kaj transdonis al li artan pergamenon per kiu estis nomata «HONORA PREZIDANTO» de la grupo kiun li fondis. Sekve, S-ro. Bohigas legis interesan artikolon de antaŭ kvardek jaroj, pri la Evoluo de Esperanto, verkita de nia amata majstro, Dalmau.

La konata poeto FRANCESC VILA, deklamis originalan verslaŭdon dediĉitan al omaĝato kiun li ĉirkaŭbrakis je la fino.

Videble emociiĝinta, la profesoro DELFI DALMAU ekparolis malrapide sed elovente por esprimi sian surprizon antaŭ la neatendita nek —laŭ li— meritita soleneco de la akto kiu embarasis lin; dankis tamen al organizantoj ties ĝentilecon kaj post rememorigi la estimatajn pionirojn forpasintajn, eldiris sian dankemon kaj admiron al anonimaj batalantoj el nia movado al kiuj ni ŝuldas la progreson atingitan ĝis nun. Per tondra aplaŭdo la ĉeestantaro premiis la gravan lecionon pri modesteco kaj sekve, malsupreniris en la kafejon por gustumi vermuton en frateca rondo esperantista. — BERNARDO GRACIA.



Donaco de pergameno al s no Dalmaŭ



pn.



Madrid, 20 de julio de 1964

EL MINISTRO DE INFORMACION Y TURISMO

Sr. D. Miguel SANCHO IZQUIERDO
Jaca.

Mi querido amigo:

Mucho agradezco su amable carta del día 10 y la invitación que me dirige para acompañarles en el Congreso Esperantista que ha de celebrarse en Vale ncia durante los próximos días.

Algunos compromisos ya contraídos y un Consejo de Ministros que se celebrará durante esos mismos días en fecha no determinada constituyen los motivos por los que no me será realmente posible acompañarles, como bien hubiera sido mi deseo, sobre todo al comprobar su amabilidad y acuñar una medalla de plata análoga a la insignia del Congreso.

Por su afectuoso intermedio formulo mis mejores votos por el éxito del Congreso, y aprovecho esta oportunidad para enviarle un muy cordial saludo, suyo buen amigo y compañero.

Manuel Fraga Iribarne

El Señor Ministro de Información y Turismo, D. Manuel Fraga Iribarne, en respuesta a la invitación de nuestro Presidente Dr. Sancho Izquierdo, de presidir nuestro Congreso Jubilar, manifestó lo anterior, que agradecemos.



## Niaj vizitantoj...

# Mag. Roman Dobrzynski

Ni troviĝas en la sidejo de la sekretariejo de H.E.F. Antaŭ ni staras junulo kiu flue kaj elegante parolas nian Internacian lingvon. Roman Dobrzynski, oficiala reprezentanto de Pola Esperanto Asocio, por nia nacia jubilea kongreso de Esperanto, parolas al ni pri la cirkonstancoj kiuj lin malebligis akurate atingi nian kongreson. Sro. Dobrzynski, kiu ne nur bone konas nian historion sed ankaŭ flue parolas nian lingvon —kiun li studis kiel sekvo de Esperanto —korespondado kun hispanino—, estas 28 jaraĝa fraŭlo, jurmagistro kaj ĵurnalisto. Lia simpatio al Hispanio naskiĝis antaŭlonge, kaj la realigo de ĉi tiu vojaĝo estas plenumo de sopiro kiun li karesis de antaŭ longaj jaroj. Hieraŭ, en agrabla kaj interesplena kunsido ĉe nia Esperanto-Klubo «Frateco» li prelegis pri siaj travivaĵoj en nia lando, pri la nuna stato de Esperanto kaj pri la nuntempaj cirkonstancoj kiuj konsilas ŝanĝi niajn kadukiĝantajn sistemojn pri la organizado kaj propagando de la Internacia Lingvo. Lia interesa parolado spicita per spritaĵoj kaj esprimoj en hispana lingvo ege plaĉis al la ĉeestantaro kiu per varmaj aplaŭdoj premiis la preleganton.

Nun, alveninte la adiaŭa momento, tre ĉagrena al ni pro la frata kaj varma amikeco kiu tutnature kaj spontane naskiĝis el nia interkonatiĝo, ni faras al nia bona amiko Roman, la jenajn demandojn:

*«Ĉu via vojaĝo al Hispanio senrevigis vin? — Ĉu ni, la hispanoj, aspektas kiel vi imagis?*

Estis por mi senreviĝo trapaso de la hispana limo pro la fakto, ke la Jubilea Kongreso de H.E.F. jam estis forpasinta. La tro longa devo atendi la vizon en Parizo malaperigis de antaŭ miaj okuloj la celon de mia vojaĝo. Mi plu vojaĝis ne sciante kion mi vidos, kiun renkontos. Tamen la unuaj momentoj de veturo tra Hispanio reigis ĝojon sur mian vizaĝon. Vojaĝo tra la lando «del Sol» estis por mi senĉesa okazo ĝui seninteresan, elkoran helpemon kaj simpatio kiun montradis al mi hispanoj. En Zaragoza mi renkontis la unuajn esperantistojn sentante esti en kaldrono de varmo amika. En neniu lando mi renkontis tiom da natura amikeco; ĉu hispanoj efektivaj konformiĝas al tiuj de miaj imagoj? Nu, ili superpasis ĉiujn miajn imagojn!

*«Kion vi povus paroli al ni pri la Esperanto movado en via lando, ĉu ĝi efektive progresas inter la inteletktularo; ĉu ĝi havas ŝtatan subvencion?*

Dum longa tempo ni, poloj, povis fanfaroni pri tio, ke Pollando estas lulilo de Esperanto. Oni ne povis aldoni io ajn pli. Pollando estis perfekta lulilo, kie Esperanto bonege dormis. La trarompa periodo en evoluo de nia movado estis la jaro 1956 ekde kiam la movado renkontis simpation kaj helpon de la Ŝtato. La 44a U.K. en Varsovio en 1959 estis alia mejloŝtono en disvolviĝo de Esperanto en Pollando.

La aktuala stato estas ĝojiga kvankam ne kontentiga, P.E.A. havas pli ol tri mil membrojn. Lastatempe oni observas eksterordinaran interesiĝon pri lernado de Esperanto. Anonciĝas tiom da volontuloj lerni la lingvon, ke la Asocio havas klopodojn certigi al ĉiuj, instruistojn, lernolibrojn kaj lernlokojn. P.E.A. estas memstara eldonanto. Aktuale oni disponas per sep diversaj lernolibroj, kvar vortaroj, kaj tuta listo da beletraĵoj.

P.E.A. ricevis certigon flanke de la Ministerio de Klerigo, ke oni oficiale enkondukos Esperanton al lernejprogramoj, se la Asocio liveros konforme prilaboritajn lernolibrojn. La lernolibroj estas eldonitaj de la ŝtataj eldonejoj.

Esperanto en Pollando, same kiel mia observo en aliaj landoj progresas ĉefe en intelektularaj medioj. Ĵus aperis ĉe ni broŝuro «Esperanto?» kiu enhavas eldirojn de kelkdekoj da eminentaj poloj, pruvantaj ke en intelektula medio ni renkontas multan ne nur simpation, sed ankaŭ favoron kaj helpon. Pola Esperanto-Asocio ricevas ĉiujaran subvencion ebliganta dungon de kelkdeko da sufiĉe bone pagataj oficistoj.

*«Kara amiko, hieraŭ vespere en nia Klubo vi alparolis niajn zaragozajn, esperantistojn kaj salutis ilin, ĉu vi deziras, kiel reprezentanto de Pola Esperanto Asocio, kaj el la paĝoj de nia «Boletin», sendi saluton al la hispana Esperantistaro?*

Mi tre bedaŭras, ke de la Kongrestribuno mi ne povis saluti la karajn hispanajn esperantistojn. Tamen, kiel diras latina proverbo «vortoj forflugas, skribaĵo restas», do finfine mi evidentiĝas bonŝance povante skribmaniere diri, ke mi ne renkontis ankoraŭ pli profundan amikecon ol tie ĉi sub «sol de España». Estu salutataj karaj amikoj!

Sinceran dankon, amiko Roman!

Emilia, Inés, Pilarín kaj Nicolás

# SALUDO AL LA 25a HISPANA ESPERANTO KONGRESO

La jaroj pasas kaj la tempo venas,
por ke satiĝu dolĉa nostalgio
en lando, kiun la naturo benas
per sia mirindega harmonio,
al kiu ligas min kaj kunkatenas
sangodevena varma simpatio.

La koro pulsas, tagoj jam serenas,
(galopis reve mia fantazio!)
nun fine jen mi ĝoje ĉi kunvenas,
por vin saluti, nobla Hispanio,
kaj vin, lumplena, ĉarma Valencio.

Al la Kongreso estu bondeziro
de grava paŝ' por l' Esperant-afero
en la rapida progresanta iro.

Al mia kore varma bondeziro
kuniĝas la saluta solidaro
de l' tutitala esperantistaro.

LUIGI MINNAJA

# PRIMERA ASAMBLEA PROVINCIAL DE ESPERANTO EN EL PAIS VASCO-ESPAÑOL

Durante los últimos días del pasado junio, esta simpática y laboriosa población guipuzcoana, ha sido el centro de atracción de todos los esperantistas del norte de España. La Prensa y Radio de San Sebastián venían ocupándose de lo que allí se preparaba y solo la realidad ha podido convencernos de que, lo que suponíamos una reunión de amigos, ha respondido plenamente al anuncio de sus organizadores: «Primera Asamblea Provincial de Esperanto en el País Vasco-Español». Cuando la tarde del día 27 llegamos a Villafranca, se produjo nuestra primera sorpresa al ver las principales calles adornadas con profusión de banderas y pancartas. Alumnas y alumnos afiliados al joven «ORDIZIA ESPERANTO GRUPO», dirigidos por el organizador de esta Asamblea, fundador y profesor del «Grupo», Sr. Merayo, trabajaban febrilmente disponiendo los últimos detalles. El pueblo entero, entre curioso y admirado, se unía al acontecimiento o se interesaba por él.

El día 28 a las 10 de la mañana comenzaron los actos oficiales con una misa mayor oficiada por el Rvdo. Cura Párroco que glosó en la homilía la labor de los últimos papas en pro de la unión de los cristianos y la comparó con los ideales unificadores del Esperanto.

A continuación en el local del «Grupo», tras unas palabras de salutación y bienvenida de D. Miguel Sancho Izquierdo, Presidente de la Federación Española de Esperanto, se dió la última lección a los alumnos del curso 1963-64; proyección de la película que nuestro compañero Sr. Larrouy filmó durante el kongreso celebrado en Bilbao el año 1956 y diapositivas del Sr. Bolaños con escenas de otros congresos.

A las cinco de la tarde llegó el esperado autobús de Bilbao con 40 nuevos asambleistas. Poco después, en el salón de actos del Municipio, bajo la presidencia del Ilustre Ayuntamiento, patrocinador de la Asamblea, y diversas per-



Sro. Merayo parolas dum solenaĵo

sonalidades civiles y eclesiásticas, entre las que se encontraban D. Miguel Sancho Izquierdo, rector honorario de la Universidad de Zaragoza; el Dr. Echevarren, representando al Ayuntamiento de San Sebastián; el Sr. Arbide, presidente del Ateneo Guipuzcoano D. Tomás Ortiz, delegado nacional e internacional de la «Asociación Mundial de Ferroviarios Esperantistas», etc., se procedió a la solemne recepción de los asambleistas.

D. José Sarasola, alcalde de la Villa, leyó un telegrama del Gobernador Civil delegando su presidencia en él y enviando un fraternal saludo para los asistentes. Contestó el Sr. Sancho Izquierdo agradeciendo el valioso apoyo moral prestado por las autoridades y la ayuda económica de la Diputación de Guipúzcoa, Ayuntamiento de Villafranca, Caja de Ahorros Municipal de San Sebastián Empresas y particulares. Expuso la finalidad del Esperanto, su significado de idioma internacional, auxiliar y neutral y la idea de unidad y fraternidad que su autor, Zamenhof, le imprimió. Seguidamente habló el presidente y organizador de esta Asamblea, Sr. Merayo, que en sentidas y emocionadas palabras agredeció a todos su colaboración y asistencia a los actos. Saludaron a la Asamblea los representantes de San Sebastián, Bilbao, Santander, Alar del Rey, Valladolid, Eibar, Zaragoza, etc. Fue elegida «Mis Esperanto» del «Grupo Ordizia»; la simpática señorita María Aránzazu Mendizábal. Clausuró el acto don José Sarasola con unas palabras de felicitación que fueron muy aplaudidas. A continuación, la «Rondalla Laguntasuna», nos deleitó con un magnífico concierto, figurando en el programa una conocida canción en Esperanto. Los asistentes fueron obsequiados con un apetitoso ágape y cantidades industriales del conocido refresco «Mirinda».

La exposición, patrocinada por la Caja de Ahorros Municipal, estaba constituida por los siguientes apartados; El Idioma; Movimiento esperantista; La UNESCO y el Esperanto; Zamenhof; El Catolicismo y el Esperanto; Correspondencia y filatelia; Esperanto, turismo y comercio; Literatura en Esperanto; Literatura local.

A las 10 de la noche se celebró la cena de hermandad en la que estaba representada la Corporación municipal. El Sr. Alcalde tuvo la delicada atención de enviar un hermoso ramo de flores que fue ofrecido a la bella representante de Alar del Rey.

El día 29, excursión a San Sebastián, paso por Loyola y visita al Santuario donde un atento Padre nos recordó la biografía de San Ignacio, ante dependencias y objetos que le pertenecieron en vida. En Zumaya visitamos la casa estival del gran Zuloaga, convertida en museo. No era día de visita pero su hija nos facilitó gentilmente la entrada. Una breve parada en Guetaria nos permitió contemplar, en bella policromía, las embarcaciones de uno de los mejores puertos del Golfo de Vizcaya. En Zarauz nos detuvimos a comer; el mal tiempo impidió tomar un baño en la playa más extensa del litoral guipuzcoano; sus magníficos chalets y hoteles modernos, contrastan con los monumentos de interés artístico: la torre Lucea, el palacio de Narros edificado sobre el solar de los Zarauz; la iglesia parroquial, etc. Por fin San Sebastián que nos recibe con persistente sirimiri, a modo de lágrimas producidas por la separación de entrañables amigos que han vivido dos días de inolvidables acontecimientos.

R. PALACIOS

## DANKESPRIMO

Vera lavango da telegramoj kaj salutleteroj inundis nian Sekretariejon okaze de nia nacia jubilea Kongreso, en kies inaŭgura kunsido oni legis ilin antaŭ la ĉeestanta samideanaro.

En la neeblo mencii ĉi tie la nomojn de la afablaj sendintoj, ni esprimas al ĉiuj nian plej koran dankon pro iliaj bondeziroj kaj varmoplenaj salutoj.

# EL PROPRA RIKOLTO (lingvo)

*Nicolás L. Escartín*

— Unuj uzas lingvon por *esprimi* penson; aliaj por *kaŝi* ĝin; la plej multo *anstataŭ* ĝi.

oOo

— Esperanto estas nova lingvo por nova tempo. Nova tempo kaj nova lingvo postulas novan pensmanieron; ĉu vi jam ŝanĝis la vian? Ĉar iam oni eldiris: «En malnovan felsakon ne verŝu novan vinon».

oOo

— Lingvo estas *rimedo*, ne celo. En viaj verkoj, en viaj vortoj, *unue* celu kion, nur poste, kiel. Bindo povas belege aspekti, sed pli gravas enhavo.

oOo

— Nova konceptmaniero povas estigi novan vortaranĝon. Ĝi estu sekvo de profunda, daŭra kaj freŝa plenobservo de la vivo. El tiu atenta observo, kaj sekva medito, fontas vivo, belo kaj kreopovo.

oOo

— Se niaj pensoj modlus la lingvon anstataŭ esti de li modlitaj; se niaj koroj estus puraj, kaj klaraj niaj mensoj, kiom bela, ho. estus nia lingvo!

oOo

— Uzi lingvon kiu celas «unu grandan rondon familian» postulas forigon de jarmilaj antaŭjuĝoj. Simile al mikroboj, la antaŭjuĝoj estas ju pli malgrandaj despli danĝeraj ĉar elflagras en nia ĉiutaga rilato kun aliuloj. Kaj la rasaj antaŭjuĝoj estas ne la plej danĝeraj.

oOo

— Lingvo estas konceptmaniero. Vorto estas hieroglifo. Psikologia studo pri lingvokonstruo plivastigas nian konscion kaj riĉigas nian vortprovizon.

# MEDITERRANEA BARCELONA PROVINCO

## BARCELONO, ARKIVO DE ĜENTILECO

*Jaime Aragay Pujols*

Sendube estas la Barcelona provinco, la plej grava el Katalunio. Ĝi havas areon de 7.773 km. kaj enloĝantaron de ĉ. tri milionoj. Diversaj montaroj leviĝas oriente kaj sude inter belegaj valoj tra kiuj fluas precipe la riveroj Tel, Llobregat, Besós, Tordera, k.a.

Malgraŭ tio ke la grundo ne estas tre fekunda, la konstanta laboremeco de la katalunoj igis ĝin fruktodona kaj produktema.

La orografio de ĉi tiu provinco prezentas plurajn mirindaĵojn, nome la famaj montaroj «Montserrat» (1.237 m.), «Montseny» (1.720 m.), Sant Llorenc del Munt» (1.099) m. kaj salŝtona monto en Cardona (Kardona), urbeto kiu famiĝis pro tio.

Mineralaj akvoj fontas en La Puda de Montserrat, Caldas de Montbuy, Tona, La Garriga, Caldas de Estrach, Sant Hilari, kiuj konsistigas aŭtentikan naturan riĉecon.

La industrio estas plura sed la plej grava, la Kotona-lana-silka kaj trikota teksaĵoj troviĝantaj en Sabadell, Tarrasa, Barcelono, Badalono, Mataró, Manresa, Vich, kies fabrikoj manufakturas por la tuta mondo. Ankaŭ la uzinoj elstarigas siajn altajn kamenojn konstante fumantajn kiel signo de granda potenco. Tute same estas menciinda la ledo-manufakturo en Igualada.

Sennecese aldoni ke Barcelono estas la unua komerca kaj industria urbo de Hispanio. Ĝi posedas antikvan havenon tra kiu senĉese efektiviĝas nacia kaj internacia interŝanĝo de pasaĝeroj kaj seninterrompa ŝarĝo kaj malŝarĝo de ĉiuspecaj varoj kaj produktoj. Ĝia aera



"Lonja" kaj Placo Antonio López

trafiko estas same tre intensa kaj gravega.

Belegan aspekton prezentas ĝiaj promenejo stratoj kaj placoj tra kiuj svarmas ĉiuhore vigla kaj kreskanta movado. Precipe la avenuo Ramblas estas tipa arterio de la urbo same kiel ĝiaj florvendejoj, tre modernaj nun, estas tre allogaj.

La urbo posedas indajn konstruaĵojn kaj artismajn diverstilajn monumentojn kaj originalajn verkojn kiuj altiras la atenton de multnombraj vizitantoj. Jen kelkaj el ili: Teatro de l'Liceo, El Tinell Antikva Hospitalo Sankta kruco, Sanktega Familio, Sportoj-Palaco, Virreina-Palaco, Nacia - Palaco, Palaco de la Nacioj, Borsa Salono, Muzika Palaco, Greka Teatro, Jura Fakultato. Hispana Vilaĝo, Taura-Areno, Zoologia Parko, Gotika Kvartalo la Katedralo, k.c.

Okaze de la alveno de Colón al Barcelono, nia grafa urbo estis la scenejo de la persona akceptado fare de la Reĝoj Katolikaj al genia maristo en la historia «Salono Tinell».

En la jaro 1888, denove estis nia urbo la sidejo de la Universala Ekspozicio, organizita de la memorinda urbestro Rius y Taulet, dank' al kiu la urbo aliformiĝis plene, tio kio pruvis la grandan kapablecon kaj aktivecon de la kataluna popolo.

En 1929, alia Internacia Ekspozicio kaŭzis ĝojon kaj admiron al hispanoj kaj eksterlandanoj ne nur pro la surprizoj industriaj kaj komercaj eblecoj de la urbo, sed ankaŭ pro la rava kaj genia ludo de akvo kaj lumo, mirakla kreaĵo en la Fontanoj de la kataluna inĝeniero Bohigas.

Hodiaŭ la montoj Montjuich kaj Tibidabo estas grandiozaj belvederoj el kiu oni ĝuas ĉarmajn vidaĵojn de Barcelono kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj.

Wifredo la Vila, kiu estris la graflandon kiel sendependa grafo de Barcelono konstruigis la du romanikajn monakejojn «RIPOLL» kaj «MONTSERRAT», veraj juveloj arkitekturaj de nia lando.

*Oni devas mencii la grafon Berenguer* la I.ª, la II.ª kaj la IIIª kiel elstarajn portintojn de la politiko gloro de Katalunio. *En la jaro 1068ª Ramono Beren*guer la I.ª «La Maljuna», aperigis katalunlingve la verkon «CODIG DELS USATGES», kodo aŭ kolekto da leĝoj kiu eksterordinare famig'ĝin. Tiu kodo ankoraŭ hodiaŭ konsistigas la juran fundamenton de l'JURO-TRIBUNALOJ de nia regiono.

Kiel omaĝo al niaj eminentuloj, ni citas inter aliaj, la jenajn: Viladomat, Domingo Badia, A. Mestres, Valentin Carulla, Luis Millet, Aribau, Antono de Capmany, Clavé, Victor Balanguer, Letamendi, Fontova, Maragall, Llimona, Eugenio d'Ors, Federico Soler, Emilio Vilanova, Guimerà, Prat de la Riba, Santiago Rusiñol, Pedro Corominas, E. Morera, Carner, Balmes, Milá y Fontanals, Almirall, Campeny, Piferrer, Joaquín Rubió y Ors, Amadeo Vives, Manén, Toldrá, Nikolau, Llongueres kaj aliaj.

Neforgesebla evento por Barcelono estis la 5.ª Universala Kongreso de Esperanto en kiu partoprenis *D-ro.* Zamenhof, kies amo por nia grafa urbo estis tre granda ĉar li estis hispana judo. Estas devo nia rememori ĉi-tiun solenan okazintaĵon kaj speciale la organizinton, F. Pujolà i Vallès.

Barcelono havas dolĉan klimaton kaj agrablan kaj mildan vintron, tre taŭga kaj ideala por ĉiuspecaj internaciaj kunsidoj, konferencoj, sportaj festivaloj, tio kio plene kontentigas eĉ la plej postulemajn personojn.

La restado en nia urbo alportos al via koro, pacon, trankvilecon, kaj bonfarton. Ne prokrastu vian viziton! Barcelono atendas vin tutkore.

---

Korespondaĵojn por H. E. F. kaj BOLETIN, bonvolu sendi al la Sekretariejo de H. E. F. laŭ jena adreso:

Fraŭ. Inés Gaston, P.º M.ª Moreno, 35, 4.º dcha. - ZARAGOZA

# *Fiasco, Fracaso, Pues . . .*

*D. DALMAU*

Atentu, ne trompiĝu, ne pensu ke vi scias, ekz-e, kion signifas la vorto en Esperanto FIASKO, nur ĉar vi bone konas la sencon de la hispana FIASCO. Estu diligenta konsulti Vortaron. Estu dubema pri ĉio, kion vi ne speciale lernis. Se neniu bona lernolibro aŭ kompetenta samideano diris al vi kion signifas la esperanta vorto FRAKASO, vi tion ne scias, malgraŭ via kono de la hispana FRACASO. Ne fidu la ŝajnojn. Certiĝu pri la veroj. Malgraŭ ke la litero, ekz-e, j, estas la sama en Esperanto, hispana kaj kataluna, ĝi havas malsaman sonon en ĉiu el la tri lingvoj. Kiu el tiuj du vortoj estas proksimume samsignifa al la respektiva hispana? Kiu, tute malsamsenca? Konsultu Vortaron!

Sed ekzistas ankoraŭ pli danĝera erarigo. Vi lernis, ekz-e, ke la traduko de LLUEVE, PUES NO SALDRE estas PLUVAS, DO MI NE ELIROS; kaj vi, do, kredas, ke NO SALDRE, PUES LLUEVE estas MI NE ELIROS, DO PLUVAS; tiam vi tute eraris, ĉar nun la korekta traduko estas MI NE ELIROS, ĈAR PLUVAS. Ne estas samampleksa la signifo, la signifado, de traduke respektivaj vortoj en du lingvoj, kiuj ajn. Se vi lernis ke la hispana ENCONTRAR tradukiĝas esperante TROVI, france TROUVER k. c., vi ne povas pensi ke en ĉiuj kazoj vi povas samvorte traduki. T. e., ne ekzistas inter du lingvoj iuj ajn, la ebleco de la nomita *laŭvorta tradukado*. Eĉ ne la vorto estas la kerno de semantika unuo en vivanta lingvo, sed la frazo. Nur en frazo vivas la vortoj, kaj bone difiniĝas.

Esperanto estas facila; multaj samideanoj flue kaj malkorekte parolas, kaj, tamen, bone interkompreniĝas. Sed se mankas mienesprimo, paroltono, persona intekono kaj aliaj cirkonstancoj de la interparolado, se temas pri la skriba lingvo, oni devas pli ĝuste diri tion, kion oni volas komprenigi.

Multsenca estas la hispana konjunkcio PUES, sed la esperanta DO nur esprimas la logikan sekvon, la konkludon, kaj la emfazon por insisto. Do, sekve, konklude, en esperanto vi povas uzi DO, ne ĉiam kiam en hispana PUES, sed nur por frazoj kiel: KION DO VI OPINIAS?, KIEN DO VI IROS?, VENU DO BALDAŬ, PAROLU DO! Komprenu, do, ke por aliaj uzoj de PUES esperanto havas ĈAR, TIAL KE, EFEKTIVE kaj aliajn vortojn: MI TRINKAS ĈAR MI SOIFAS, MI RESPONDAS TIAL KE VI DEMANDIS, TIO POSTULIS EFEKTIVE TRO DA PENO k. a.

Esperanto estas lingvo jam farita de Zamenhof kaj de liaj plej bonaj disĉiploj, kiuj havis lingvan talenton. Vi iam, se vi estas lingva genio povos ankoraŭ pliriĉigi nian lingvon per novaj esprimoj. Sed ĝis tiam, vi devas lerni la vortojn, la frazojn, jam kreitajn, kiujn vi aŭdos de bonaj esperantistoj aŭ legos en bonaj verkoj. Krei novan esprimon povas nur tiu, kiu fariĝis artisto de Esperanto tra longa praktikado kaj emprofundiĝado en la spiriton de Esperanto.

## ✳ Ni legis por vi...

*LA DIA KOMEDIO. — Dante Alighieri. Speciala eldono en la Serio "Oriento-Okcidento", de UEA.* 709 *p.* 28 × 21 *cm., kun antaŭparoloj de Bruno Migliorini, Paolo Peterlongo, Piero Barguellini kaj Gaston Waringhien, kun komentarioj notoj, listo de* 89 *tutpaĝaj reproduktaĵoj de la originalaj ilustraĵoj de Sandro Boticelli. Traduko de Giovanni Peterlongo paralele kun la itala teksto. Prezo, tole bindita kun plasta ŝirmilo kaj kartona skatolo*: 36, *gld. aŭ* 144 *steloj.*

—Tiu ĉi impona kaj luksega eldono de la Dia Komedio —kiu venis tre malfrue en niajn manojn eble pro forgeso en anguleto de la antaŭa sidejo de nia Federacio— enhavanta paralele kaj la Esperantan tekston, kune kun la originalaj desegnaĵoj de Sandro Boticelli, neniam antaŭe kune publikigitaj, estas vera monumento al la Esperantlingva literaturo. Kun fakta flankenlaso de la intrinseka valoro de la verko mem kiel universala literaturaĵo, la libro meritas rangi en la unuaj bretoj de ĉiu esperanta biblioteko.

Rezignante fari lingvan komentarion pri la trafeco de la traduko —jam la antaŭparolo al la esperanta traduko fare de G. Waringhien diras ĉion dirindan kaj direndan— kaj ankaŭ timante trolongigi ĉi tiun recenzon per plua kapvakuiga opinio pri la filozofia aŭ praktika valoro de la verko, mi nur diros la jenon: verko kun universala valoro estas ĉiam *respondo* al homara bezono. Laŭ mia opinio, la Dia Komedio estas vera instrumento por la transformo de la homa vivo, de la homa animo. Giovanni Gentile ie asertis, ke la Dia Komedio havas religian sencon, sed tio estas ja iome nebula koncepto ĉar esence, kio estas religio?, li ankaŭ rimarkis, ke la kernaj punktoj de tiu verko celis profundan reformon de la tiama eklezio —kio certe estas pli trafa. Dante-n oni akuzis pri magio kaj herezo. Li estis samtempe, teologo, filozofo kaj profeto, kaj kvankam li abunde trinkis en la riĉaj akvoj de la malnova kaj nova Testamentoj, profunde konis —kiel oni klare vidas en lia verko— la orientan saĝon kaj la grekan kaj muzulmanan filozofiojn. Jen kial, fari komentarion pri tiu ĉi libro laŭ esenca vidpunkto estas kompleksa laboro kies sekvoj ja ne eniras en la celoj de ĉi tiuj recenzoj.

N. L. ESCARTIN

*VARSOVIO REKONSTRUITA. — A. Ciborowski kaj S. Jankowski.—Eldonejo «Polonia» Varsovio.—Prezo ne indikita.*

—Pri la drastaj sekvoj de milito oni jam multe skribis kaj spertis laŭlonge de la historio, kaj la lasta mondmilito (1939-1945) ĝisoste skurĝis la homaron. Disŝiritaj korpoj, velkintaj animoj kaj sennombraj detruoj estis la diabla rikolto kium tiu kunflagrado donacis al Eŭropo. Tiu ĉi albumo estas plua atestilo pri la emo «ree stumbli en sama ŝtono» kiun la homo prisuferas; sed... ĉu ne la homo estas nevole haŭlita al tiaj militoj? Jen pensiga demando. Mi inklinas pensi, ke nia mondo estas tretejo kie la okazintaĵoj tretas la homojn «prilaboras» ilin..., sed ni ne fantaziu, kaj revenu en la libron.

Varsovio rekonstruita estas esence fotoalbumo kiu paralele montras bildojn el la ĉefaj stratoj, monumentoj, ktp., de la urbo tiel kiel restis en la 1945a jaro, kaj tiel kiel aspektis en la 1962a. Interesa teksto —en bonega lingvo— klarigas la signifon kaj gravecon kiun havis Varsovio por la tuta Polujo, vera «koro, cerbo kaj trezorejo» de la nacio. Per ciferoj, statistiko vekas hororon en nia koro: Kiom da voj —kaj fervoj— pontoj, industriaj kaj memoraĵaj konstruaĵoj, loĝdomoj, lernejoj, ktp. detruitaj!, kaj kio estas multe pli valora: la homoj!! La teksto estas grandparte akuza dokumento bazita sur historiaj faktoj, kies komento trolongigus ĉi tiun recenzon.

La libro —140 paĝa— estas bone bindita per blanka tolo kun malhelaj verdoflavaj literoj, kaj emajlita, papera kovrilo. Gratulojn al la Pola Esperanto Asocio, aŭtoroj kaj tradukinto, pro la eldono de tiu grava dokumento.

N. L. ESCARTIN



«RAPORTA SKIZO DE LA LABOR PERIODO 6.a aŭgusto 1963a - 30an junio

1964a de la HISPANA ESPERANTO FEDERACIO»

Lastatempe, pro diversaj kaŭzoj, kelkaj el ili de ĉiuj konataj, konsiderinde multigis la sekretariajn taskojn. Tio estas la kaŭzo kiu malpermesis al mi la prezentadon al via konsidero de pli ampleka raporto, pri la agado de H.E.F. en la periodo inter ĝia translokigo al Zaragoza ĝis la nuna momento. Tamen, ĉar mi konsideris plua devo mia doni ioman informon pri tiu agado, jen la ĉefaĵo laŭ la ĉefaj fakoj.

1.e Boletín: Multe oni devis labori ĝi. ŝtingi ĝian aperadon laŭ dato regula, sed nun, ĉio funkcias normale .Kiel vi povis konstati ekde la numero januaro-februaro, ni aldonis al ĝi, pluajn kvar paĝojn; ni deziras ke Boletin estu ne nur bulteno por komuniki al niaj membroj la ĉefajn novaĵojn de la Movado, ni deziras ke ĝi estu kvankam malgranda interesa revuo, aŭ almenaŭ revueto. Mi esperas ke la agado de niaj redaktoroj kontentigos al vi.

2e. Kaso: En la numero 6 marto-aprilo de Boletin, la Kasistino prezentis kontojn; vi ĉiuj konas ilin, do, komentoj ne estas necesaj. Por la jaro 1964, ĝis nun la afero marŝas bone, ni estas optimistaj, ni esperas ke la kotizoj, sufiĉos por la normalaj elspezoj, 65 novaj membroj sin aliĝis al nia Federacio. Je tiu senco, mia optimismo malpliiĝis iomete ĉar mi ĉiam esperis ke la novaj membroj de H.E.F. dum la jaro 1964, estu cent. La eldonado de propagandaj folioj por esperantistoj ne federaciataj donis bonajn fruktojn; do, ni esperu, ankoraŭ la jaro ne estas finita.

3e. Agado de la fakoj: Informa servo, Gazetara servo, ktp. Sub la lerta gvidado de Sroj. Aragay kaj Molera, bone funkcias; en la numero 8 julio-aŭgusto de Boletín, vi povis legi detalajn reportojn de HEJS kaj Informaoficejo. La Estraro de HEF decidis starigi sidejon en Barcelona, kiu estas sidejo de HEJS.

Ankaŭ la fervojistoj, bone laboradis kaj ni esperas ke baldaŭ estos konfirmata la eldonado de fervojaj broŝuroj en Esperanto.

4e. Propagando: Ni eldonis la jam menciitajn foliojn por propagandi nian Federacion kaj je la fino de la jaro, ni esperas eldoni faldfoliojn bele prezentitajn (almenaŭ okulfrapaj) por propagandi Esperanton. La tekston por tiuj faldfolioj, nun studas kaj preparas la redaktoro de Boletin Sro. López Escartín.

5e. Regularo: Pasintjare kelkaj samideanoj indikis al ni la bezonon de nova Regularo. Multe ni pripensis la aferon, kies graveco estas granda. Tial, ni intencas studi ĝin detale kaj pere de Boletin sciigi al vi niajn konsiderojn iom post iom, por ke vi ĉiuj sendu viajn sugestojn. Ni deziras ke, se la Regularo de H.E.F.. devos esti ŝanĝita, tio estu, en interkonsento de ĉiuj membroj.

Kaj nun, antaŭ ol fini, mi deziras klarigi ion, tio estas: la signifon de la persona pronomo *ni* en tiu raporteto. *Ni* anstataŭas ne nur «La Estraro» de HEF, -kompreneble, la Estraro estas kiu respondecas ĉiujn decidojn kaj agojn, sed ĝi signifas: laboranta por Esperanto Grupo de bonvoluloj, konsistigata ĉefe de HEF Estraro kaj Redaktoroj de Boletin kiu nur deziras enkonduki la Federacion en ĝian plej altan lokon, kaj ni esperas trovi helpon kaj bonan volon en niaj samideanoj.

I. GASTON

## XXV^a HISPANA JUBILEA KONGRESO DE ESPERANTO

## LITERATURA KONKURSO DE H.E.F.

Laŭ la regularo starigita por ĉi tiu Literatura Konkurso de H.E.F., la subskribintoj, kiuj konsistigas la komisionon por juĝi la verkojn al ĝi prezentitaj, atente kaj zorge legis la verkojn ricevitajn kaj alvenis al la jena verdikto:

A) ORIGINALA POEZIO. — Libera temo pri rimo kaj metriko.

Premio: Al la poemo LAŬDO AL PATRINO KIU NE KISADIS SIAN IDARON, originala de Sro. Gabriel Mora Arana, el Manresa.

Hon. Mencio: al la Poemo MIA KANTO AL DRO. ZAMENHOF, de Sro. Francisco Vilá, el Barcelona.

B) TRADUKA POEZIO. — Esperanta traduko de la poemo de Calderon A LAS FLORES.

Premio: al la poemo AL LA FLOROJ, traduko, el la hispana, de Sro. Manuel de Elezcano Maiztegui, el Bilbao.

Hon. Mencio: al la sama poemo laŭ traduko de Sro. V. de la Cruz, el Deusto.

C) ORIGINALA PROZO. — Historia aŭ Turisma Temo pri Hispanio.

— Ne konkursita.

Post atenta konsidero de la verkoj ricevitaj por la temo D) Libera Prozo, la komisiono trovis, ke la verkaĵoj «PRI LA FELIĈO» kaj «FIASKINTA DUELO», rangas en sama nivelo rilate al kvalito, malgraŭ kiom malsamaj ili estas laŭ temo kaj stilo. Pro tio, atentante unualoke al la justa disdonado de la premioj, aljuĝas tiun de la temo C) al la eseo de Sro. Gumá «PRI LA FELIĈO».

D) ORIGINALA PROZO. — Libera Temo.

Premio: FIASKINTA DUELO, de Sro. Juan Devis Calpe, el Valencio.

Hon. Mencio: ĈU FANTAZIO, de Sro. Saldanha Carreira, el Lisboa. Portugalujo.

Dum la Literatura Festo kiu okazos en la kadro de nia Jubilea Kongreso en Valencia, oni faros publikaj la nomojn de la premiitaj aŭtoroj. La tuta komisiono de ĉi tiu Literatura Konkurso elkore dankas al ĉiuj konkursintoj pro la valoraj kontribuoj ricevitaj, kaj, subskribe atestas pri ĉi tiu akto kiun tute unuanime kaj harmonie ili plenumis.

La Prezidanto, Dro. Miguel Sancho Izquierdo; La Sekretario de la Komisiono, Nicolás L. Escartín; Juán Régulo Pérez; Angel Salete; José Ventura Freixas.

Tip. C. Boloix - Armas, 72 - Zaragoza D. L. Z - 375 - 63